17 Décembre 1907. 17a Decembro 1907. 74a NUMERO. 17n December 1907
6a JARO, 7a numero.

DUONMONATA GAZETO ESPERANTISTA.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand.

OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.
Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**
Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**
Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,
53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges

## ABONNEMENTS

Au moins un an . . . . . fr. 6,00
Avec inscription à la Ligue *au moins* » 7,00
Membre protecteur de la Ligue avec abon. (Statuts p. II) *au moins* » 10,00
Un numéro . . . . . . . . » 0,25
1e et 2e année ) en Belgique ( . » 5,00
3e, 4e et 5e » ) *chacune* ( . » 6,00
Les collections pour l'étranger, par envoi *en plus* » 1,00

## ABONOJ

Almenaŭ unu jaro ĉiulande . . Sm. 2,40
Kun enskribo en la Ligo *almenaŭ* » 2,80
Protektanta ligano, kun abono *almenaŭ* » 4,00
Unu numero en Belgujo . . . » 0,10
1a kaj 2a jaro) en Belgujo ) . . « 2,00
3a, 4a kaj 5a ») *ĉiu* ) . . . » 2,40
ĉiu sendo eksterlande pagas ĉiufoje . . . . . . . . . . » 0,40

## INSCHRIJVINGEN

Ten minste 1 jaar . . . . . . fr. 6,00
Met inschrijving in den Bond. *ten minste* » 7,00
Bond-Beschermer, inbegrepen maandschrift (Standr., p. II) *ten minste* » 10,00
Een nummer . . . . . . . . » 0,25
1e en 2e jaar ) in Belgie ) . . . » 5,00
3e, 4e en 5e jaar) *ieder* ). . . » 6,00
Buitenland . . . . . . *meer* . » 1,00

**Sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.**

La abonoj komencas nepre la 1a de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn nojn.
Ni akceptas poŝtmarkojn laŭvalore, sed ni pli ŝatas poŝtmandatojn.

L'abonnement commence le 1er Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les Nos parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

| | | Nacie | | Internacie |
|---|---|---|---|---|
| **Amsterdama Pioniro**, Holanda-esperanto, Admin. Singel 386, Amsterdam (Holland). | Fl. | 1.50 | Sm. | 1.25 |
| **Antaŭen Esperantistoj** !!! espagnol-esperanto Apartado 927, Lima, (Pérou) . . | S. | 0.60 | » | 1.20 |
| **Brazila Revuo Esperantista**. Redakcio, Rua de Assembléa, 46, Rio de Janeiro . . | Mr. | 2.15 | » | 2.40 |
| **British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. . . . | Ŝ. | 3.20 | » | 1.60 |
| **Bulgara Esperantisto**, dumonata, Adm. de Bulgara Esperantisto en Sofio (Bulgarie) | L. | 1.50 | » | 0.60 |
| **Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ**, Organo de Bohemaj Esp., Praha (Autriche) II. 313 | Kr. | 3.60 | » | 1.50 |
| **Esperanta Ligilo**, esp., pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, Paris . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Esperantisten** Sveda-esperanto. P. Ahlberg, Surbrunnsgatan 37, Stockholm . . | Kr. | 2.50 | » | 1.40 |
| **Esperanto**, duonmonata internacia, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Espero Katolika**, Mr Em. Peltier, Ste Radegonde (Indre et Loire) France 4 fr., hors France | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero Pacifista**, Mr Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France) . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Filipina Esperantisto**, Angla-hispana-esperanto P. O. Box 326, Manila (Philippines). | P. | 2.00 | » | . . . |
| **Finna Esperantista**, Ilarejo Esperantista, Helsinki, Finnlando . . . . . | Fmk. | 1.50 | » | 1.20 |
| **Foto-Revuo Internacia**, français-esperanto, 118bis, rue d'Assas, Paris, . . . | fr. | 5.00 | » | 2.00 |
| **Germana Esperantisto**, allemand-esp., MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin | mk | 3.00 | » | 1.50 |
| **Helpa Lingvo**, Fino G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago . . . . | kr. | 1.20 | » | 0.66 |
| **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 7.00 | » | 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, esperanto, 45, rue de Saintonge, Paris IIIa . . . . | » | 6.00 | » | 2.40 |
| **Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio . | y. | 1.60 | » | 1.65 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **La Revuo**, esperanto, 79, Bd St Germain, Paris . . . . . . . . | » | 7.00 | » | 2.80 |
| **L'Espérantiste**, français-esp., Mr de Beaufront, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) | » | 4.00 | » | 1.60 |
| **Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, Ve, . . . . | » | 7.50 | » | 3.00 |
| **Lumo**, Bulgara, Ivan Nenkov, Str. Sv. Gorska no 2299, Tirnova (Bulgario) . . | fr. | 5.00 | » | 2.00 |
| **La Verda Standardo**, esperanto, Sro J. Medgyesi, VII, Alpar-u, 8 Budapest . . | Kr. | 4.00 | » | 1.68 |
| **Ruslanda Esperantisto**, russe-esperanto, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St Petersbourg. | r. | 2.65 | » | 2.50 |
| **Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, 26, Akademicka, Leopolo, (Autriche) . | k. | 2.40 | » | 1.00 |
| **Svisa Espero**, esperanto, Mr Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **Suno Hispana**, espagnol-esp., M. Jimenez Loira, Avellanas, 11, presejo, Valencia (Espagne) | p. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Tra la Mondo**, illustré, esp., 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) | fr. | 8.00 | » | 3.20 |
| **The American Esperanto Journal**, Boulevard Station, Boston, Mass. . . . . | d. | 1.00 | » | 2.00 |

**Espérantistes !**

**Détachez cette feuille intérieure de la couverture et utilisez-la pour la propagande !**

**Esperantisten !**

**Neemt dit binnenste blad van den omslag weg en benuttigt het voor de propaganda !**

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Ligue Espérantiste Belge. | Belgische Esperantische Bond.

### COMITÉ D'HONNEUR. EEREKOMITEIT.

MM. DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.
le Dr GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.
le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.
le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles.

MM. A. LECOINTE, Ingénieur en chef honoraire de la Marine Belge, Bruxelles.
J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.
MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.
O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.
ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. UITVOEREND KOMITEIT.

**Siége : BRUXELLES, RUE DE TEN BOSCH, 53.**

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Vice-présidents* (Ondervoorzitters) : MM. VAN DER BIEST-ANDELHOF et LUC. BLANJEAN.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. JOS. JAMIN.
*Trésorier* (Schatbewaarder) : M. J. COOX, Bruxelles.
*Membres* (Leden) : Melles A. Guilliaume, E. Lecointe, MM. H. Calais, O. Chalon, Ed. Mathieu, H. Palmer, Dr M. Seynave, A. Thiry, Dr R. Van Melckebeke, Lt Van Weyenbergh, Lt. Cl. Vermeulen, A.-J. Witteryck.

Pour tous renseignements, adhésions, envoi de rapports, etc., s'adresser au Secrétaire Général:

Voor inlichtingen, inschrijvingen, opzending van verslagen, enz., wende men zich tot den Schrijver :

**rue de Ten Bosch, 53, Bruxelles.**

## EXTRAIT DES STATUTS.

Art. 1. — Il est fondé sous le titre de **Ligue Espérantiste Belge** (*Belga Ligo Esperantista*) une société des adeptes et des approbateurs de l'Esperanto en Belgique.

Art. 2. — La Ligue Espérantiste Belge a pour but de propager la langue auxiliaire internationale Esperanto, en dehors de toute question politique ou religieuse, et d'étendre les relations de la Belgique avec l'étranger.

Art. 3. — Pour atteindre ce but, la Ligue crée un fonds social pour aider les groupes Espérantistes, assurer l'existence de l'organe officiel de la Ligue, éditer et répandre des imprimés de propagande, organiser des conférences, des cours et des expositions espérantistes, et réaliser ou aider à réaliser tout projet qui, après mûr examen de la part du comité, aura été reconnu utile.

Art. 5. — Les cotisations des membres sont fixées comme suit :

1) Tous les membres de la Ligue paient une cotisation annuelle minima de 1 fr. ou versent une fois pour toutes une somme de 25 francs.

*b*) Les membres qui paient une cotisation annuelle d'au moins 10 francs, ou qui versent en une fois la somme de 200 francs, reçoivent le titre de *Membre Protecteur*.

*c*) Les membres, qui paient une cotisation annuelle d'au moins 25 francs ou qui versent en une fois la somme de 500 francs, sont nommés *Bienfaiteurs de la Ligue*.

Aux Membres Protecteurs et Bienfaiteurs la Ligue sert de droit l'organe officiel.

## Uittreksel der Standregelen.

Art. 1. — Onder den titel «**Belgische Esperantische Bond**» (*Belga Ligo Esperantista*), is een Bond gesticht tusschen de personen welke in België het Esperanto beoefenen of goedkeuren.

Art. 2. — De Belgische Esperantische Bond heeft voor doel buiten alle politieke of godsdienstige strekking, de Hulpwereldtaal Esperanto te verspreiden en de betrekkingen van België met het buitenland te bevorderen.

Art. 3. — Om dit doel te bereiken sticht de Bond een geldfonds, ten einde de Esperantische groepen te helpen, het bestaan van het officieel blad van den Bond te verzekeren, allerhande propagandaschriften uit te geven en te verspreiden, Esperantoleergangen, voordrachten en tentoonstellingen in te richten, en alle ontwerpen welke na rijpe overweging van het Bondsbestuur voordeelig blijken, te verwezentlijken of aan de uitvoering ervan mede te werken.

Art. 5. — De bijdragen der leden zijn vastgesteld als volgt:

*a*) Alle leden betalen eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 1 fr. ofwel storten eens voor al de som van 25 fr.

*b*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 10 fr. of wel de som van 200 fr. in eens storten, worden opgenomen als *Beschermleden*.

*c*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 25 fr, ofwel 500 fr. in eens geven, verkrijgen den titel van *Weldoeners van den Bond:*

De *Beschermleden* en de *Weldoeners* ontvangen kosteloos van wege den Bond het officieel blad.

# Règles grammaticales de l'Esperanto.

## Alphabet — Prononciation.

A, B, C = ts (tsar), Ĉ = tch (tchèque), D, E = é (été), F, G dur (gant), Ĝ = dj (adjudant), H aspiré, Ĥ = h guttural, son mixte entre le h et le k (très rare), I, J = y (yeux), Ĵ = j (jour), K, L, M, N, O, P, R (un peu roulé), S (sifflant), Ŝ = ch (chat), T, U = ou, comme dans bouche, Ŭ = ou, comme dans oui, V, Z.

Toutes les lettres conservent toujours leur son alphabétique et doivent toujours se prononcer séparément, sauf les 2 diphthongues *aŭ* et *eŭ*.

***

*Règle 1.* L'Esperanto n'a qu'un article défini *la*, invariable. Il n'a pas d'article indéfini.

*Règle 2.* Le substantif se termine par *o*. Le pluriel se forme par l'adjonction de *j*. — Le complément direct se marque par la terminaison *n* :

*La patro, la patroj.*

Complément direct : *La patron, la patrojn.*

*Règle 3.* L'adjectif se termine par *a* et suit les règles du substantif : *patra, patraj, patran, patrajn.*

*Règle 4.* Les adjectifs numéraux cardinaux sont invariables : *unu, du, tri, kvar, kvin, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, mil.* Ces adjectifs peuvent s'employer substantivement et adverbalement : *trio, sepe.*

*Règle 5.* Les pronoms personnels sont : *mi* (je, moi), *ci* (tu, toi, peu usité), *li* (il, lui), *ŝi* (elle), *ĝi* (il ou elle pour les animaux et les choses), *si* (soi), *ni* (nous), *vi* (vous), *ili* (ils, elles).

*Règle 6.* Les terminaisons verbales sont au nombre de 12 : infinitif *i* : *fari* = faire ; présent *as* : *mi faras* = je fais ; passé *is* : *vi faris* = vous faisiez, vous avez fait ; futur *os* : *ili faros* = ils feront ; conditionnel *us* : *ŝi farus* = elle ferait ; impératif *u* : *faru* = fais, faites ; *ni faru* = faisons ; *ili faru* = qu'ils fassent.

Participe actif : présent : *ant* : *faranta* = faisant ; passé *int* : *farinta*=ayant fait ; futur *ont* : *faronta*=devant faire, qui fera.

Participe passif : présent *at* : *farata* = étant fait ; passé *it* : *farita* = ayant été fait ; futur *ot* : *farota* — devant être fait, que l'on fera.

Verbe auxiliaire unique *esti* = être.

*Règle 7.* L'adverbe est caractérisé par *e*.

*Règle 8.* Toutes les prépositions régissent le nominatif.

*Règle 9.* Chaque mot se prononce absolument comme il est écrit.

*Règle 10.* L'accent tonique se place toujours sur l'avant dernière syllabe.

*Règle 11.* Les mots composés s'obtiennent par la réunion des éléments qui les forment. Le mot fondamental se met toujours à la fin.

*Règle 12.* S'il y a dans la phrase un autre mot de sens négatif, l'adverbe « ne » se supprime.

*Règle 13.* Si le mot marque le lieu où l'on va, on le termine par l'*n* de clarté, à condition qu'il ne soit pas précédé d'une préposition.

*Règle 14.* Chaque préposition possède un sens immuable qui en fixe l'emploi. Si le choix de la préposition ne s'impose pas clairement on fait usage de la préposition *je*.

*Règle 15.* Les mots internationaux ne changent pas en Esperanto; ils en prennent seulement l'orthographe: théâtre=*teatro*.

*Règle 16.* Les terminaisons des substantifs et de l'article peuvent se supprimer et se remplacer par une apostrophe dans certains cas.

# Spraakkundige regels van het Esperanto.

## Alphabet — Uitspraakleer.

A, B, C = ts (tsar), Ĉ = tch (fr. tchèque), D, E (half lang) F, G, Ĝ = dj (adjudant), H, Ĥ = ch, I, J, Ĵ (fr. jour), K L, M, N, O, P. R, S, Ŝ (fr. chat), T, U = oe (boer), Ŭ = w, V, Z.

Al de letters behouden steeds hun alphabetischen klank en moeten altijd uitgesproken worden, behoudens de tweeklanken *aŭ en eŭ*.

***

*Regel 1.* Het Esperanto heeft slechts een bepalend lidwoord *la*. Er bestaat geen niet bepalend lidwoord.

*Regel 2.* Het naamwoord gaat uit op *o*. Het meervoud wordt gevormd door bijvoeging van *j*. Het voorwerp wordt aangeduid door de bijvoeging van *n*.

*La patro, la patroj.*

Voorwerp : *La patron, la patrojn.*

*Regel 3.* Het hoedanigheidswoord gaat uit op *a* en volgt de regels van het naamwoord : *patra, patraj ; patran, patrajn.*

*Regel 4.* De grondgetallen zijn onveranderlijk : *unu, du, tri, kvar, kvin, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, mil.* Deze grondgetallen kunnen als naamwoord en als bijwoord gebruikt worden : *trio, sepe.*

*Regel 5.* De persoonlijke voornaamwoorden zijn : *mi* (ik, mij), *ci* (het oude du, dich), *li* (hij, hem), *ŝi* (zij, haar), *ĝi* (het), *si* (zich), *ni* (wij, ons), *vi* (gij, u), *ili* (zij, hem).

*Regel 6.* De uitgangen der werkwoorden zijn ten getale van 12 : Noemvorm *i* : *fari* = doen ; tegenw. tijd *as* : *mi faras* = ik doe ; verl. tijd *is* : *vi faris* = gij deedt, gij hebt gedaan ; toek. tijd *os* : *ili faros* = zij zullen doen ; voorwaardelijke wijze *us* : *ŝi farus* = zij zou doen ; gebiedende wijze *u* : *faru* = doe, doet ; *ni faru* = laat ons doen ; *ili faru* = dat zij doen.

Bedrijvend deelwoord : tegenw. tijd : *ant* : *faranta*=doende ; verl. tijd *int* : *farinta* = gedaan hebbende ; toek. tijd *ont* : *faronta* = zullende doen.

Lijdend deelwoord : tegenw. tijd *at* : *farata* = gedaan (wordend); verl. tijd *it* : *farita* = gedaan (zijnde); toek. tijd *ot* : *farota* = zullende gedaan worden.

Eenig hulpwerkwoord : *esti* = zijn.

*Regel 7.* Het bijwoord is gekenschetst door *e*.

*Regel 8.* Al de voorzetsels vorderen een nominatief.

*Regel 9.* Ieder woord wordt volstrekt uitgesproken zooals het geschreven staat.

*Regel 10.* De klemtoon valt altijd op de voorlaatste lettergreep.

*Regel 11.* De samengestelde woorden worden bekomen door de vereeniging van hunne bestanddeelen. Het grondwoord wordt steeds achteraan geplaatst.

*Regel 12.* Indien in den zin een ander woord met ontkennende beteekenis voorkomt wordt het bijwoord « ne » weggelaten.

*Regel 13.* Indien het woord de plaats aanduidt waarheen men gaat, voegt men er de *n* van duidelijkheid bij, op voorwaarde dat het niet van een voorzetsel voorafgegaan zij.

*Regel 14.* Ieder voorzetsel heeft eene onveranderlijke beteekenis die er het gebruik van vaststelt. Indien de keuze van het voorzetsel niet klaar genoeg bepaald is bedient men zich van het voorzetsel *je*.

*Regel 15.* De internationale woorden veranderen niet in het Esperanto; zij nemen er slechts de schrijfwijze van aan: theater = *teatro*.

*Regel 16.* De uitgangen van het naamwoord en van het lidwoord kunnen weggelaten en in sommige gevallen door een afkappingsteeken vervangen worden.

17 Décembre 1907. 17ª Decembro 1907. 74ª NUMERO. 17ⁿ December 1907.
6ª JARO, 7ª numero.

DUONMONATA GAZETO ESPERANTISTA.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

## Une décision importante.

Le général Leman, commandant l'Ecole Militaire, à Bruxelles, a décidé que des conférences sur l'Esperanto seront organisées les 6 et 7 janvier 1908 pour les 69ème et 70ème promotions de l'Ecole d'application (artillerie et génie). Un cours d'Esperanto sera donné pendant les mois de février et mars à la plus jeune promotion de l'Ecole, la 71ème.

La présence aux conférences et aux cours est obligatoire pour tous les officiers-élèves et pendant la période du cours, les autres leçons de langue seront provisoirement suspendues. Les conférences seront données par Messieurs les professeurs commandant E. J. Lefèvre et lieutenant M. Cardinal; celui-ci donnera le cours à la 71ème promotion. L'Ecole d'application ne comprend que des jeunes officiers, déjà sous-lieutenants.

C'est là pour nous un des plus importants résultats du mouvement Espérantiste en Belgique ; nous devons cordialement féliciter le général Leman pour la décision courageuse qui fait que l'Ecole Militaire est le premier organisme officiel qui a accepté l'Esperanto et organisé un cours obligatoire pour les élèves. Nous ne doutons nullement que Messieurs les officiers des trois promotions actuellement à l'Ecole ne soient à leur tour, pour notre cause, de courageux propagateurs.

Les Espérantistes doivent encore chaleureusement remercier nos amis Lefèvre et Cardinal, à qui nous sommes redevables de cet heureux résultat, belle récompense de leurs efforts.

## Grava decido.

Generalo Leman, komandanto de la Milita Lernejo, en Bruselo, decidis ke paroladoj pri Esperanto estos organizataj dum la 6ª kaj 7ª de Januaro 1908 por la 69ª kaj 70ª promocioj de la Lernejo de Aplikado (artileria kaj inĝeniera). Kurso de Esperanto estos organizata dum la monatoj de Februaro kaj Marto por la plej juna promocio de la Lernejo, la 71ª.

La ĉeesto al la paroladoj kaj kurso estas deva por ĉiuj oficiroj-lernantoj kaj dum la periodo de kurso, la aliaj lecionoj pri lingvoj estos provizore prokrastitaj. La paroladoj estos prezentataj de Sroj profesoroj komandanto E. J. Lefèvre kaj leŭtenanto M. Cardinal; tiu ĉi instruos la 71an promocion. La Lernejo de Aplikado enhavas nur junajn oficirojn, jam sub-leŭtenantojn.

Tie kuŝas por ni unu el la plej gravaj rezultatoj de la Esperanta movo en Belglando ; ni devas tutkore gratuli generalon Leman pri la kuraĝa decido, kiu difinas la Militan Lernejon, kiel unuan oficialan organismon, kiu akceptis Esperanton kaj organizis devan kurson por la lernantoj. Ni ne dubas, ke la Sinjoroj oficiroj de la tri promocioj nune en la Lernejo estos siavice, por nia ideo, kuraĝaj propagandistoj.

La Esperantistaro devas ankoraŭ varme danki niajn samideanojn Lefèvre kaj Cardinal al kiuj ni ŝuldas tiun feliĉan rezultaton, belan rekompencon por iliaj penoj.

## Les reproches faits à l'Esperanto.

Nous envisagerons un à un les divers reproches — fondés ou non — qui ont été faits à l'Esperanto. Que les amis de la belle création de Zamenhof se rassurent ; il y a à prendre et à laisser dans les dits reproches, que nous allons envisager l'un après l'autre.

A tout seigneur, tout honnenr !

Le plus grave, on peut dire le seul grave, est l'absence de règles de dérivation.

Pour mettre en lumière cette question de la dérivation nous appellerons « dérivations immédiates ou directes » les dérivations obtenues par le seul changement de la finale grammaticale infinitive, substantive, adjective ou adverbiale.

Ainsi le groupe :

paroli — parolo — parola — parole

est un groupe de dérivations immédiates ou directes.

Si la dérivation est faite au moyen d'affixes elle sera nommée « dérivation médiate ou indirecte ».

Ainsi « paroladi » est, par rapport au radical « parol » une « dérivation médiate ».

Mais de « paroladi » on peut tirer une série de dérivés immédiats, qui sont parolado, parolada, parolade.

***

Remarquons immédiatement que l'on ne peut pas toujours, d'une racine donnée, former la série complète des 4 dérivations immédiates, c'est-à-dire le groupe « verbe, substantif, adjectif, adverbe ».

Ainsi si nous considérons le radical « plum » qui nous fournit le substantif « plumo », nous ne voyons pas ce que pourrait signifier « plumi », à moins de donner à ce verbe la signification du français « plumer ».

Mais le verbe français, si on l'analyse, fournit comme signification « dégarnir de plumes », « arracher les plumes ».

Et il est clair que cette signification est trop spéciale pour pouvoir se marquer par le seul changement de o en i ; aussi le verbe « plumi » n'existe-t-il pas ; le français « plumer » est traduit en Esperanto par « senplumigi ».

***

Maintenant si nous considérons le radical «plumb» qui donne le substanstif « plumbo »= plomb, il semblerait que pas plus de ce radical que du radical « plum » on ne peut tirer immédiatement un verbe.

En français nous avons bien le verbe plomber ; que veut-il dire ? « garnir de plomb ».

Cette idée est évidemment telle, qu'elle demande un suffixe pour être exprimée.

Pourtant l'Esperanto actuel a cru pouvoir prendre le verbe immédiatement dérivé ; et, dans les dictionnaires, on trouve : plumbi=plomber.

Ainsi donc pour dire « dégarnir de plumes » on a un dérivé médiat : « senplumigi », tandis que pour « garnir de plomb » on a un dérivé immédiat : « plumbi ».

De tels exemples sont nombreux dans les dictionnaires actuels.

On trouve d'une part: brosi=brosser avec broso=

## La riproĉoj pri Esperanto.

Ni esploros, unuope, la diversajn riproĉojn — pravajn aŭ ne — kiujn oni faris al Esperanto.

La amikoj de la bela Zamenhofa elpenso rekuraĝiĝu ; inter tiuj riproĉoj, ne ĉiuj estas akceptindaj ; la pravajn ni esploros unu post la alia.

Al la ĉefo, honoron !

La plej grava, oni povas diri la sola grava, estas la neekzisto de reguloj pri deveno.

Por klarigi tiun demandon pri deveno, ni nomigos « senperaj aŭ rektaj devenoj », la devenojn ricevitajn nur per la ŝanĝo de la gramatika fino : infinitivo, substantivo, adjektivo aŭ adverbo.

Ekzemple la grupo :

paroli — parolo — parola — parole

estas grupo da senperaj aŭ rektaj devenoj.

Se la deveno okazas per afiksoj, ĝi estos nomata « pera aŭ nerekta deveno ».

Ekzemple « paroladi » estas, rilate al la radiko « parol », pera deveno.

Sed de « paroladi » oni povas naskigi serion da rektaj devenaĵoj, kiuj estas : parolado, parolada, parolade.

***

Ni rimarku tuje ke oni ne ĉiam povas eltiri plenan serion da kvar senperaj devenoj el proponita radiko, nome : verbo, substantivo, adjektivo, adverbo.

Ekzemple, ni konsideru la radikon « plum » kiu naskas la substantivon « plumo » ; ni ne ekvidas tion, kion povus signifi la vorto « plumi » ; eble oni povus aljuĝi al tiu verbo, la signifon de la franca «*plumer*».

Sed la franca verbo, se oni analizas ĝin, donas la signifon « eltiri p'umojn ».

Nu estas komprenebla ke tiu signifo estas tro speciala por ke ĝi povu naskiĝi nur el la anstataŭigo de o per i ; sekve la verbo « plumi » ne ekzistas ; la francan vorton «*plumer*» oni tradukas Esperante : « senplumigi ».

***

Nun ni konsideru la radikon « plumb » kiu naskas la substantivon « plumbo » ; ŝajnus, ke el tiu radiko, kiel el la radiko « plum », oni ne povas eltiri senpere verbon.

En franca lingvo ekzistas la verbo « *plomber* » ; Kion ĝi signifas ? « Provizi per plumbo ».

Tiu ideo evidente estas tia, ke por klara esprimo, ĝi postulas sufikson.

Tamen la nuna Esperanto opiniis ke ĝi povas elekti la verbon senpere devenitan ; kaj en la vortaroj, ni trovas « plumbi » (provizi per plumbo).

Do, por esprimi « eltiri plumojn » oni havas peran devenaĵon « senplumigi » dum por esprimi « provizi per plumbo » oni havas senperan devenaĵon : « plumbi ».

Tiaj ekzemploj estas multnombraj en la nunaj vortaroj.

Oni ricevas unuflanke : brosi = purigi per speciala

brosse (l'instrument), et d'autre part : tondi=tondre avec tondilo=ciseaux.

Ici encore donc une dérivation immédiate (broso) avec le sens d'instrument pour faire l'action marquée par le verbe ; et une dérivation médiate (tondilo) où l'affixe instrument trouve son bon emploi, son emploi logique.

***

Ces premiers exemples suffisent à montrer que la dérivation de l'Esperanto n'a pas été conduite jusqu'ici d'une façon vraiment satisfaisante : si, dans les manuels, on a dit que, étant donnée une racine, on forme le substantif en lui ajoutant o, le verbe en lui ajoutant i, etc., on a négligé de dire quel devait être le sens exact des mots ainsi immédiatement obtenus ; on a donné la « dérivation de forme »,mais non la « dérivation de sens ».

Or il serait puéril de ne pas voir que la « dérivation de sens » doit nécessairement accompagner la « dérivation de forme », sans quoi celle-ci perd toute valeur.

La caractéristique de l'Esperanto est précisément son système de dérivation, qui peut lui assurer *le maximum de simplicité et de clarté logiques*, et le rendre d'un maniement facile et agréable pour tous.

Mais une condition est indispensable ; il ne faut pas que l'Esperanto, langue artificielle, tombe dans les défauts de nos langues naturelles, et, par exemple, attache plusieurs sens au même affixe, ou emploie divers affixes avec le même sens ; il faut employer toujours un même affixe avec le même sens, et un seul affixe pour chaque sens.

Alors on réalisera *l'uniformité des dérivations* qui, nous le montrerons, n'existe pas suffisamment dans les dictionnaires actuels, et qui diminuerait de jour en jour. si les amis mêmes de l'Esperanto ne veillaient à conjurer ce danger, danger de mort.

*L'uniformité des dérivations* doit être telle que, possédant un seul mot d'une famille quelconque, on puisse former toute cette famille par le seul jeu des Règles de dérivation.

Nous aurons à montrer que cela est possible, facile, et que cela ne constitue en réalité qu'un meilleur devenir de la langue créée par Zamenhof.

B. S.

instrumento, kaj broso = la instrumento por brosi; aliflanke tondi = tranĉi per speciala instrumento, kaj tondilo = la instrumento por tondi.

Do. tie ĉi ankoraŭ senpera deveno (broso) kun la senco de instrumento por fari la agon esprimitan en la verbo; kaj pera deveno (tondilo) en kiu la instrumenta afikso « il » trovas bonan uzon, ĝian logikan uzon.

***

Tiuj unuaj ekzemploj sufiĉas por montri ke la deveno de Esperanto ne estas kondukita, ĝis nun, kontentige : se en la lernolibroj oni diris ke, el radikvorto oni naskigas substantivon per aldono de litero o, verbon per aldono de litero i, k. c. oni forgesis diri kia devus esti la preciza senco de la vortoj tiel senpere ricevitaj; oni donis al ni la « devenon pri formo » sed ne la « devenon pri senco ».

Nu, estus kvazaŭ infanaĵo ne vidi ke la « deveno pri senco » devas necese akompani la « devenon pri formo »; se ne, tiu ĉi estas sen vera valoro.

La karakterizo de Esperanto estas precize ĝia sistemo de deveno, kiu povas certigi al ĝi la *maksimumon de logikaj simpleco kaj klareco*, kaj ĝin farigi facile uzeblan kaj por ĉiuj agrablan.

Sed unu kondiĉo estas nepre necesega; estas necesa ke Esperanto, artefarita lingvo, ne falu en la difektoj de niaj naturaj lingvoj, kaj, ekzemple, ne difinu pli ol unu sencon al sama afikso aŭ ne uzu diversajn afiksojn kun sama senco; estas necesa uzi ĉiam saman afikson kun sama senco, kaj nur unu afikson por ĉia senco.

Tiam oni realigos la *unuformecon de la devenoj* kiu, tion ni montros, ne ekzistas sufiĉe en la nunaj vortaroj kaj kiu malaperigus pli kaj pli, se la amikoj mem de Esperanto ne zorgus por forigi tiun danĝeron, danĝeron de morto.

La *unuformeco de la devenoj* devas esti tia, ke, ricevante unu solan vorton de ia familio, oni povu konstrui plene tiun familion, nur per aplikado de la reguloj pri deveno.

Ni montros ke tio estas ebla, facila, kaj ke tio nur estas, reale plejbona kreskado de la lingvo kreita de Zamenhof.

B. S.

---

## OPINIO DE LA ĴURNALOJ.

**Pri la decidoj de la Delegacia Komitato.**

En ĝia 20a numero (27 de Novembro) la ĵurnalo « Esperanto » sub la titolo : Grava momento, publikigas longan artikolon, el kiu ni ĉerpas la sekvantajn dirojn ; niaj legantoj konsentos ke nia kunfrato « Esperanto » ekzamenas atenteme kaj senpartie la demandon.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Tio ĉi tre klare montras, ke ia aŭtoritato akceptata de la Esperantistaro (aŭ se ne ekzistas tia aŭtoritato, memkompreneble la Esperantistaro mem) povas proponi novajn formojn en la lingvon per la voj• natura kaj iom-post-ioma de la neologismoj kaj arkaismoj, ne farante ian krutan rompon en la lingvo. Konsekvence, ĉiujn reformojn arbitrajn kaj a-prioriajn, kiujn oni proponas kaj pri kiuj la sperto ne montris, ke ili estas utilaj kaj praktikaj, la Esperantistoj devas nepre malakcepti, ĉar ili rekte kontraŭstaras al la esenco de la fundamento kaj enkondukus tre danĝeran ekzemplon por la estonteco, sed ĉiujn proponojn utilajn por la pliboniĝo de nia lingvo la Esperantistoj devas atente ekzameni kaj prijuĝi sen blinda konservativemeco, ĉar konsideri la Fundamenton kiel dogmon ekster kiu nenio estas akceptebla estas tiel same kontraŭa al la spirito de tiu fundamento kaj de la elpensinto mem de Esperanto, kiel la opinio de tiuj, kiuj kredas, ke nenia progreso estas farebla dum ni havos fundamenton.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Dum dudek jaroj, ni laboris super la Fundamento, ni pliriĉigis la lingvon kreante literaturon, ni interŝanĝis korespondaĵojn, ni faris sukcesajn provojn pri la parolebleco de Esperanto

per niaj kongresoj, sed ĝis nun Esperanto estis ankoraŭ tre malmulte praktike *uzata;* en la scienco kaj en la diversaj fakoj, kie ĝia signifo estas grandega, ĝi nur komencas penetri, kaj la jam akirita sperto montris al ni, ke se la lingvo sufiĉas por la ordinaraj bezonoj kaj la ĉiutaga uzado, ĝi postulas pli grandan precizecon por la scienca kaj teknika praktikado ; lingvon internacian ni bezonas ne nur por esprimi ĝeneralajn ideojn aŭ por traduki literaturaĵojn, sed ĉefe por ke la diversnaciaj samprofesianoj kaj samfakanoj povu oportune interrilati. Ni havas la okazon enkonduki en nian lingvon kelkajn verajn plibonigojn kaj aldonojn, dank' al kiuj la lingvo scienca fariĝus ankoraŭ pli logika kaj pli preciza. Kial ni tion ĉi ne farus, simple ĉar oni devus aldoni malmultajn novajn sufiksojn kaj formuli kelkajn firmajn regulojn? Ĝis nun ekzistis en nia lingvo vasta libereco, sed, se ni ne antaŭzorgas, tiu libereco fariĝos konfuzeco kaj anarkio, kiuj rekte kontraŭstaras al la principoj, laŭ kiuj estis konstruita Esperanto.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La momento estas nun oportuna; la Delegitaro reprezentas atentindan aŭtoritatecon kaj, ne nur por ĝi, sed por la bono de Esperanto, ni povas sen danĝero elekti inter la proponitaj aldonoj kaj korektoj tion, kio estas realigebla laŭ la plano montrita en la fundamento, sen rompo en la tradicio. La sankcio de la registaroj venos nur multe pli malfrue, kiam nia afero estos praktike elprovita kaj kiam ĝi estos verŝajne tiel grava, ke ĉia reformo estos farebla nur kun la plej granda malfacileco. Fine, la propagando estas nur unu flanko de nia movado; la alia, sen kiu la propagando estus nur sencela klopodo, estus la uzado de Esperanto kaj ĝia enkonduko en la sciencon kaj en ĝiajn sennombrajn fakojn. Por tio estas necese ke ni havu lingvon kiel eble plej bonan kaj precizan; se ne, ĉiuj geniaj principoj, laŭ kiuj estis starigita Esperanto estos kvazaŭ perditaj en la amaso de nelogikaĵoj, idiotismoj kaj konfuzaĵoj, kiujn ni ricevos en la lingvo teknika kaj fine en la lingvo ordinara se ni, sen ekzameno, rifuzas ĉian eĉ plej necesan novaĵon.

H. Hodler.

---

Tre grava artikolo aperis en la « Internacia Scienca Revuo »; kvankam ĝi estas tre longa, ni reproduktas ĝin tute, pro ĝia graveco mem.

## Al la delegitaro.

## Al la esperantistaro.

La nuna momento estas grava dato en la historio de la lingvo universala, ĉar en la sama tempo kiam Esperanto ĵus fariĝis plenaĝa, atinginte sian dudek-unuan jaron de ekzistado, la « *Delegitaro por la elekto de Lingvo helpanta* » solenigis ĝian datrevenon kaj finis siajn laborojn, alprenante principe la lingvon de D^ro Zamenhof.

Unuflanke, la nombro de la Esperantanoj estas ĉiam kreskanta kaj atingas hodiaŭ 2 ĝis 300,000 ; pli ol 500 societoj kaj 40 jurnaloj faras viglan propagandon en la tuta mondo, kaj 3 internaciaj kongresoj, kies lasta havis pli ol 1300 anoj el 30 diversaj landoj, elmontris eksperimente ke la lingvo internacia ekzistas kaj estas vivanta. Aliflanke la Delegitaro, fondita en Parizo dum 1900, sukcesis grupigi ĉirkaŭ sia programo 307 sciencajn societojn kaj proksimume 1500 profesorojn aŭ sciencistojn. La Komitato, elektita de la Delegitaro, por la elekto de lingvo internacia kunvenis en Parizo dum monato Oktobro.

Kiel ni jam diris, tiu Komitato principe akceptis Esperanton, sed ĝi rezervis kelkajn reformojn, kiuj estos submetataj al la « Lingva Komitato » kaj ŝajnas malfacile akcepteblaj de la Esperantistaro. Ni estus preferintaj atendi la finan rezultaton de la nunaj interdiskutoj antaŭ ol esprimi nian opinion, sed eble estus jam tro malfrue kaj ni tian bedaŭrus ke ni ne agis por laŭeble helpi feliĉan interkonsenton inter la Esperantistaro kaj la Delegitaro.

**Al la komitato de la Delegitaro**, ni dezirus diri — cetere sen oficiala komisio — : « Al la afero de lingvo internacia, vi povas alporti grandegan helpon donante al Esperanto kvazaŭ-oficialan karakteron, per kiu ĝi povos rapide akiri la oficialan sankcion de la registaroj ; al la estonta lingvo internacia vi povas fari tre grandan servon, enkondukante en ĝin kelkajn reformojn, dank' al kiuj ĝi fariĝos lingvo ankoraŭ pli klara, pli logika kaj pli scienca ; pri tio vi jam altiris la atenton de la Esperantistoj per la rimarkinda studo, kiu pritraktas la « *Devenigado en Esperanto* », verkita de unu el viaj sekretarioj, kiu per tio kronis sian tiel plenan laboron pri la « *Historio de la Lingvo Universala* ».

« Sed vi ne povas postuli, ke la Esperantistoj fordonu sian dudekjaran sukcesplenan penadon, sian tradicion, la spiriton mem de sia propra lingvo, kaj ne nur lernu novan lingvon, sed akceptu alian lingvon, kiu ne estas ankoraŭ praktike elprovita kaj kiu, kvankam ĝi devenas el Esperanto, enkondukus neutilajn aŭ almenaŭ superfluajn ŝanĝojn, precipe tiujn kiuj farus la lingvon ankoraŭ pli latinan kaj konsekvence malpli internacian. Kiel ajn estas la deziro havi lingvon kiel eble plej perfektan, estus pli bone ne atingi tiun perfektecon, ol sin elmeti al tiaj aventuroj, ĉar tiam oni povus diri prave ke plibono estas malamiko al bone. »

« Cetere, se pro la deziro enkonduki tro gravajn reformojn, la Delegitaro malhelpus ĉian interkonsenton kun la Esperantistaro, ĉu ĝi estus kapabla trudi al la mondo la lingvon reformitan laŭ siaj ideoj ? Eĉ ne dubante pri ĝia morala aŭtoritateco, ĉu povas esti ke la 307 societoj kaj 1500 profesoroj, el kiuj konsistas la Delegitaro, prenos sur sin disvastigi novan lingvon internacian ? Unue, parto de tiuj societoj kaj profesoroj restos Esperantistoj, ĉar ili preferos jam elprovitan lingvon, kiu posedas ŝatindan literaturon kaj multajn adeptojn ; due, ĉu la aliaj societoj kaj profesoroj, kiuj subskribis la programon de la Delegitaro, estos kapablaj mem fari la grandegan penadon, kiun oni postulus de ili ? Tute ne : multaj el tiuj societoj, kiuj aliĝis al la Deligitaro nur pro tio, ke ili principe apogas la ideon de lingvo internacia, estas apenaŭ pretaj akcepti jam ekzistantan lingvon kiel Esperanto, sed neniel intencas mem ageme partopreni en la batalo. Kiel do estos kreataj la gazetoj, la vortaroj kaj la literaturo de tiu nova lingvo? Rompo, kiun kaŭzus tro postulema sintenado de la Delegitaro, verŝajne ne rezultus en tio, ke Esperanto estos anstataŭata de ilia lingvo, sed simple en tio, ke Esperanto ne ricevus la reformojn, kies enkondukon ebligus pli cedema sintenado.

**Al la Esperantistaro**, ni dezirus diri: « Ĝis nun ni energie kontraŭbatalis ĉiajn reformajn projektojn de Esperanto, ĉar vi estas konvinkataj ke nur dank' al komuna agado super la Zamenhof' a *Fundamento*, vi povas interkonsenti kaj konservi la absolute necesan unuecon, kiun postulas la kondiĉoj mem de la batalo. Vi pravigis tiun vidpunkton dirante, ke oni ne devas ŝanĝi sian pafilon dum la batalo. Efektive de dudek jaroj, la batalo daŭras samfoje kontraŭ la indiferenteco de la publiko kaj kontraŭ la konkurenco de aliaj artefaritaj lingvoj, kiel Idiom Neutral, Universal, Bolak, k. t. p. »

« Sed se dum la batalo oni devas uzi la jam pretigitajn batalilojn, oni laŭeble devas uzi la periodojn de trankvileco kaj paco por enkonduki la plibonigojn per kiuj la proksima venko iĝos pli certa. Hodiaŭ via unua batalo estas finita: Esperanto, nun dudekjara, fariĝis plenaĝa kaj post tri internaciaj kongresoj ricevis la *unuan premion* de la Delegitaro por la elekto de lingvo internacia. Oni do ne devas forgesi ke la Esperantistoj estis kvazaŭ oficiale reprezentitaj en la Komitato de la Delegitaro, kaj, kvankam ili ĉiam havas la rajton fari rompon kun tiu ĉi, estus ne rekomendinda agmaniero akcepti kaj distrompeti nur tiujn Delegaciajn decidojn kiuj estas favoraj al Esperanto kaj malakcepti la aliajn sen zorga ekzameno.

Se vi volas ke la partianoj de la konkurantaj artefaritaj lingvoj submetu sin al la decidoj de la Delegitaro, vi devas mem doni la ekzemplon oferante por la reciproka interkonsento ĉion, kio povas esti oferita ne detruante la karakteron kaj la ĉefajn ecojn de la Zamenhofa lingvo.

La konkurantaj lingvoj sekve jam ne estos timindaj pro la fakto mem, ke okazos interkonsento kun la Delegitaro, kaj vi povos uzi tiun oportunan okazon por senpartie ekzameni vian lingvon kaj vin pretigi por la dua batalo, kiu povos havigi al vi la oficialan sankcion de la registaroj. »

« Per tiu ekzameno, vi konvinkiĝos, ke la momento jam venis por la enkonduko de Esperanto en novajn fakojn; vi do devas agi, por ke ĝi estu kiel eble plej bone alfarata por sia nova rolo. Efektive, ne sufiĉas,ke la lingvo internacia respondu la bezonojn de l' komerco kaj de la literaturo; laŭvere, estis plej necese, ke la lingvo internacia estu antaŭ ĉio lingvo vivanta, kaj dank' al la genio de Zamenhof, ĝi posedas tiun nepre necesan karakteron, per kiu sole ĝi povas altiri la popolamasojn; sed, nuntempe post la decido de la komitato de la Delegitaro kaj la fondiĝo de la Esperantista Scienca Asocio, Esperanto devas esti enkondukata en la sciencajn fakojn. Vi do devas nenion flankelasi por ke ĝi plene respondu tiun celon; la sciencistoj estas postulemaj, ili ne deziras fordoni sian tempon; tial ili volonte akceptos la novan lingvon internacian, sed ili bezonas ilojn modernajn : lingvon logikan kaj facilan, kaj skribadon, kiu ne havas arkaikan ŝajnon; per unu vorto *lingvo samtempe regula kaj internacia por la okuloj.* »

*Konkludo:* La Esperantistoj pro konfido al sia propra forto ne malakceptu la pravajn demandojn de la Delegitaro, pretek-

stante, ke tiuj postuloj estas aŭ tro grandaj aŭ pereigaj por ilia unueco. La Delegitaro estis kreita per sepjara senlaca laboro, kaj oni devas sen antaŭjuĝo ekzameni en ĝiaj kritikoj pri Esperauto ĉion, kio estas ĝusta. La adeptoj de la Zamenhofa Lingvo ne prenu sen singardemeco la respondeblecon de rompo kun la Delegitaro antaŭ ol ili laŭeble agis por ĝin eviti.

Tio ĉi tute ne kontraŭstaras al la Bulonja deklaracio, ĉar per tiu Deklaracio la Esperantistoj simple intencis starigi la jenan principon: « neniu persono kaj neniu societo devas havi la rajton arbitre fari ŝanĝojn en la Zamenhofa Fundamento ». Tiu principo devas resti via leĝo ĝis kiam via lingvo estos sufiĉe oficiale akceptita por ke ĝi ne timu la konkurantajn lingvojn. Se oni tiam juĝas, ke kelkaj ŝanĝoj estas utilaj, oni povas sendanĝere ilin enkonduki, kondiĉe ke ili ne renversu la principojn akceptitajn. La Bulonja deklaracio neniel do malhelpas, ke la lingvo evoluu kaj progresu, ĉu per aldonoj, ĉu per kelkaj maloftaj ŝanĝoj, el kiuj ne sekvos ia rompo en la lingvo.

Kvankam ne estas la afero de la Lingva Komitato, ŝanĝi Esperanton per dekreto kiu estus malfacile akceptota de ĉiuj Esperantistoj, tamen la Lingva Komitato povas konigi al la Esperantistaro ĝis kie interkonsento kun la Delegitaro estas farebla enkondukante en la lingvon neologismojn (novajn sufiksojn, novan alfabeton, k. t. p.) por anstataŭi arkaismojn *kaj precipe petante la Esperantajn revuojn sciencajn aŭ teknikajn uzi prove tiujn neologismojn; kaj post kiam la provo estus tiel sendanĝere farita de la teknikaj gazetoj, tiam se la neologismoj estas vere bonaj ili estos iom post iom akceptitaj de la ne-sciencaj Esperantistoj kaj gazetoj Esperantistaj.*

Ni do permesas al ni, varme alvoki al la Komitato de la Delegitaro kaj al la Esperantistaro por ke okazu reciproka interkonsento, ĉar kiel diras la proverbo: « antaŭe, facilega estas la okazo; poste, ĝi fariĝas jam malfacilega ». En la nuna momento, la okazo estas alvenanta; sed, baldaŭ ĝi estos jam forpasinta.

Ernest Naville, Membro kor. de la Francuja Instituto kaj Prof, de Filozofio, ĉe la Ĝeneva Universitato
C. Cailler, Prof. de Matematiko » » »
H. Fehr, » » » » »
C.-E. Geye, » Fiziko » » »
Ph.-A. Guye, » Kemio » » »
Th. Flournoy, » Psikologio » » »
J. J. Gourd, » Filozofio » » »
Em. Yung, » Zoologio » » »
G. Haltenhof, » Oftalmologio » »
H. Christiani, » Bakteriologio » »
F. Gentet, » Internacia Juro » »
P. Moriaud, » Romana » » »
G. Meumann, » Germana » » »
Ed. Claparède, Pr.-Dt. de Psikologio » »
E. Chaix, » » Geografio » »
R. de Saussure, » » Fiziko-Matematiko »
F. Battelli, » » Psikologia ĉe la »
H. Audéoud, » » Medecino » »
E. Kummer, » » Kirurgio » »
E. Pittard, » » Antropologio »
A. Papadaki, » » Psikiatrio ĉe la »
Ed. Sarasin, Fizikisto.
A. Pagan, Artileria Kolonelo.
L. de Saussure, Sinlingvisto.
L. Maurice, Civila Inĝeniero.
Th. Tommasina, Fizikisto.
P. van Berchem, »
A. Brun, Geologiisto.
Th. Renard, D-ro Kemiisto.
Eug. Revilliod, D-ro Kuracisto.
G. Fatio, Prezidanto de la Higiena Komitato.
Ed. Fatio, Arhitekturisto.
E. Métral, Direktoro de la Dentarta Lernejo.

La ĵurnalo « L'Espérantiste » organo de la Societo franca por propagando, enlokigas ĉefan artikolon de ĝia direktoro:

La Komitato de la Delegacio kunsidis ĉe Parizo (Collège de France) en la mateno kaj posttagmeze dum 10 tagoj, por plenumi la rolon, kiun komisiis al ĝi 310 diversaj societoj el diferencaj landoj. Ekzameninte ĉiujn eblajn solvojn kaj kunvokinte la aŭtorojn de la sistemoj proponitaj, ĝi decidis alpreni Esperanton principe pro ĝia rilata perfekteco kaj la multaj diversaj aplikoj, kiujn ĝi ricevis, kun rezervo pri diversaj ŝanĝoj... » La decido de l' Delegacio kaj tiuj ŝanĝoj estas komunikitaj al doktoro Zamenhof kaj al la Lingva Komitato. Pro la bono de Esperanto kaj sekve pro la bono de l' ideo mem de helpa lingvo internacia, ni ne povus tro admoni ĉiujn niajn amikojn, ke ili atendu la respondon de doktoro Zamenhof kaj de la Lingva Komitato kviete kaj konfide, nenion dirante, skribante aŭ farante kapablan kompromiti interkonsentiĝon senlime dezirindan.

L. de Beaufront.

---

S^ro^ prof. W. Oswald, prezidanto de la Delegacia Komitato publikigis en « *Frankfurter Zeitung* » de la 7^a^ de Novembro, tre interesan artikolon pri la laboroj kaj decido de la Komitato. Li konkludas dirante ke de nun, la konkurenco inter la diversaj projektoj estas finita, kaj ke ĉiuj amikoj de la ideo povas koncentrigi siajn fortojn por la akcelo de la ideo mem per la jam akceptita rimedo.

En semajna revuo « *Die Woche* » n° 47 de la 23^a^ Novembro, prof. W. Ostwald publikigas alian artikolon kiu kredeble ekscitos grandan intereson. La aŭtoro atentigas pri la neceseco, ke internacia lingvo devas posedi la eblecon de libera disvolviĝo en la sama direkto, kiel la naturaj lingvoj.

---

La ĵurnalo « Germana Esperantista » ekzamenas ankoraŭ tre serioze la gravan demandon, kaj sub la titolo « La Decido de la Delegacia Komitato » ĝi publikigas la sekvantan artikolon:

Post kiam la Asocio de la Akademioj malakceptis pro nekompetenteco la proponon de la Delegacio elekti internacian helpan lingvon, la Delegacio starigis laŭ sia programo komitaton, kies tasko estas, esplori la diversajn projektojn de artefarita helplingvo kaj fari decidon pri alpreno de unu el ili.

Tiu ĉi komitato kunvenis en Parizo, la 15an de Oktobro, kaj havis 19 longdaŭrajn kunsidojn en ĉambro de « Collège de France ». Zorgeme oni studadis la plej diversajn projektojn kaj proponojn, priparolis iliajn preferojn kaj mankojn, kaj fine oni atingis la rezultaton, ke Esperanto plenumas preskaŭ perfekte ĉiujn postulojn, kiujn oni povas starigi por internacia helpa lingvo. Oni konvinkiĝis, ke la principoj de la genia Zamenhofa elpensaĵo plej proksiimĝas al la natura lingva disvolviĝo, kaj sekve Esperanto prezentas efektive la solvon de la grava problemo de internacia helpa lingvo. Oni interkonsentis pri tio, ke internacia lingvo devas havi la eblecon de daŭra progresado kaj disvolviĝo en la sama direkto, kiel la naturaj lingvoj, ke la principoj de Esperanto garantias tiun eblecon.

La Delegacia Komitato do alprenis la 29an de Oktobro Esperanton kun rezervo de kelkaj flankaj ŝanĝoj farotaj kun la intenco, ne nur ne detrui la genian principon de Zamenhof, sed ankoraŭ pli konsekvence efektivigi ĝin. Por tiuj ŝanĝoj oni donis nur certan direkton, kaj oni esprimis la deziron, ke fariĝu interkonsento kun la Lingva Komitato Esperantista.

Por la pluaj laboroj la Delegacio elektis specialan Labor-Komitaton, kies honora prezidanto estas S^ro^ Prof. Förster, Berlino, efektiva prezidanto S^ro^ Prof. Ostwald, Grossbothen, vicprezidantoj S^roj^ Prof. Baudouin de Courtenay, Peterburgo, kaj Prof. Jespersen, Kopenhago.

Certe ni devas esti tre ĝojaj pri tio, ke la longdaŭraj sciencaj diskutadoj de la Delegacia Komitato pruvis denove tion, pri kio ni per la praktika sperto jam de longe estas konvinkitaj, nome ke ni, Esperantistoj, vere posedas la solvon de la problemo. Ni esperu, ke la Delegacia Komitato kaj la Esperantista Lingva Komitato konduku al sukcesa fino la malmultajn demandojn ankoraŭ solvotajn, ke nun, post kiam la konkurenca demando inter diversaj projektoj estas neniigita, Esperanto baldaŭ finu sian venkon en la civilizita mondo!

O. L.

---

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

La Ligo Internacia de Esperantistinoj por la Protektado de la Virinoj sin baptonomis « Helpo » ĉar ĝi intencas helpi ĉiujn helpajn intencojn per la helpa lingvo; helpo do estas ĝia karakteriza celo. La Honora Prezidantino de la « Helpo » estas sinjorino L. Zamenhof, kaj la provizora sekretario estas S$^{ro}$ Fr. Schneeberger en Lüsslingen (Svislando) al kiu niaj legantinoj bonvole sin turnos por aliĝo. Oni jam elektis en Cambridge provizorajn naciaj komitatoj, sed vane mi serĉis ian Belgan nomon...

La Komitato de la Kvara Esperantista Kongreso decidis ke la kongreso okazos en urbo Dresden, de la 16$^{a}$ ĝis la 22$^{a}$ de Aŭgusto 1908.

Vilaĝo Esperanta estos ankoraŭ en « Weisser Hirsch » (Blanka Cervo) konata en la tuta mondo kiel saniga loko.

De nun niaj samideanoj en Rouen (Franclando) havas salonon ĉiuvespere malfermatan, krom la dimanĉoj kaj festaj tagoj, de la oka ĝis la deka. La esperantistaj vizitantoj estos ĉiam bone akceptitaj 65, rue Ganterie.

Ni ricevis la ĵurnalon « Finna Esperantisto » kiu, ĝis nun aperis hektografita. Ĝi raportas tre longe pri la III$^{a}$ Kongreso. La abonprezo estas por la pasinta jaro Fmk. 1.50 (0.60 spm.) kaj de nun por la venontaj numeroj jare Fmk. 3.00 (1.20 spm.) Redakcio kaj administracio estas en Ilarejo Esperantista, Helsinki, Finnlando.

Ni deziras bonan sukceson al tiu kuraĝa kunfrato.

La Esperantista grupo en Boulogne s/mer akceptis dum la sabato 30$^{a}$ de Novembro, komandanton Ch. Lemaire, kaj organizis vespere kunvenon kaj festenon en Hotelo Castiglione.

La Komitato de la Scienca Societo des 1, sub prezido de S$^{ro}$ Laisant, kiu multe laboris pri la sendo de delegitoj en la Delegacio kunvenis dum la 18$^{a}$ de Novembro kaj ĝoje akceptis la decidon de la Delegacia Komitato ; tion raportas la organo de la Societo.

En ĵurnalo « Le Communiste » organo de libertara propagando, ni ankaŭ legis artikolon kiu atentigas pri la grava decido de la Delegacio, kaj admonas ĉiun leganton ke li lernu Esperanton laŭ la sciigoj, kiujn la ĵurnalo aldonas.

La Centra oficejo intencas publikigi serion da artikoloj eltiritaj el ĵurnaloj de ĉiuj landoj pri la Tria Kongreso.

La unua kajero, enhavanta 50 paĝoj, estos baldaŭ preta, ĝi nur enhavos la artikolojn de la Angla gazetaro.

Oni anoncas el Parizo baldaŭan aperon de nova ĵurnalo kiu kostos nur 2,00 frankoj (0,80 spm.) jare, kvankam ĝi aperos ĉiumonate kaj estos ampleksa je dekses paĝoj.

Ankaŭ revuo « Laboro » malaperis.

La Triano Hobomo (H. Bolingbroke Mudie), post la kongreso, ripozis laŭ angla kutimo, t. e. d. li propagandis en Paris, Palermo, la Greka Insularo, Stamboulo (Konstantinopolo) Insulo Malto, Napolo, Pau, San Sebastian, Bilbao, Bordeaux, Dax, Niort, La Rochelle, Tours, S$^{te}$ Radegonde, Blois, Le Havre k. c.

Tiel bone ripozita, nia kuraĝa samideano reiris hejmen kaj reprenis la ĉiutagan vivon. Lia vojaĝo estos certe fruktodona por Esperanto.

---

## PRI ESPERANTISTA FESTOTAGO.

*Vieno, la 22$^{an}$ de Novembro 1907.*

Plenumante la decidon de la Tria Kongreso, D$^{ro}$ Zamenhof, elektis komitaton de sep membroj por proponi daton por la tutmonda festotago, principe jam akceptita de la kongreso.

Jen la provizoraj proponoj de la komitatanoj :

Nia Majstro proponas:

A) la daton de 17$^{a}$ de Decembro (dato, de la unua festo esperantista en la jaro 1878) ;

B) la tagon de la printempa (por la suda hemisfero = autuna) tagnoktegaleco, kiu povus servi kiel simbolo al la neŭtraleco por la tuta homaro.

La Majstro aldonas, ke tiu provizora opinio ne havu ian influon ĉe la decido.

Al la date de la 17$^{a}$ de Decembro aliĝas Sinjoroj Codorniu kaj Pollen, al la dato de la 21$^{a}$ de Marto Sinjoroj Montrosier kaj Simon. Sinjorino Hankel timas ke tiuj datoj, estas tro proksimaj al la kristnaska respektive, kelkafoje al la Paska festo. Ŝi kaj Sinjoro Tabenski de nove proponas la 21$^{a}$ de Julio. Tiun daton S$^{ro}$ Tabenski jam antaŭ kelkaj monatoj proponis en « Tra la Monde », kiel festotagon de la dudeka jubileo de la momento, « Kiam nia Majstro transiris la Rubikon », kaj efektive multaj Esperantistoj festis tiun daton. Nia majstro aldonas ke laŭ lastaj esploroj, faritaj de li mem, montriĝis ke :

1. La dato en kiu la unua libro pri Esperanto ricevis la cenzuran permeson, estis ne la 21$^{a}$ de Julio, sed la 2$^{a}$ de Junio (- 21$^{a}$ de Majo laŭ rusa kalendaro)
2. El ĉiuj aliaj datoj koncernantaj la komencan historion de Esperanto, kun plena precizeco estas konata nur la dato de la 17$^{a}$ de Decembro 1878.

En la nomo de la komitato. kies sekretario mi estas, mi havas la honoron peti la esperantistan gazetaron, ke ĝi bonvole represu tiun raporton kaj invitu iliajn legantojn sendi al mi, kiel eble plej baldaŭ, iliajn opiniojn. El tiuj leteroj ricevotaj mi faros raporton por la komitatanoj, kiuj poste voĉdonos definitive. La Kvara Kongreso estos petata je ĝia lasta sankcio.

Kun esperantista saluto.

Prof. OTTO SIMON.

Se festotago estas necesa por la Esperantistaro, ni opinias ke la tagnoktegaleco (21$^{a}$ de Marto) estas la momento la plej oportuna por ĉiuj samideanoj de la du terastraj hemisferoj. Pri la dato de 21$^{a}$ de Julio ni jam diris ke tiu tago malebligus por ni Belgaj la feston pri datreveno, ĉar ĝi okazus samtempe la nacia festo kaj malaperus inter la aliaj oficialaj festoj.

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Bruxelles.** — Le commandant Ch. Lemaire, président de la Ligue Espérantiste Belge, a conférencié le 9 décembre à l'Université populaire de Schaerbeek-lez-Bruxelles et le mercredi 11 décembre au groupe « L'Emancipation » à la Maison du Peuple de Bruxelles.

Il a récolté le succès auquel il est habitué, et dès maintenant c'est une chose certaine, nous pouvons annoncer qu'un cours commencera bientôt à Schaerbeek, nous n'attendons plus que les indications au sujet du local et de l' heure du cours.

**Ixelles.** — Le cours de Mademoiselle Cl. Simon à l'école de « la petite Suisse » réussit comme aucun cours n'a réussi. 240 élèves, y assistent assidûment; naturellement il n'est pas aisé de donner l'enseignement à un tel auditoire !

**Marcinelle.** — Dimanche, 1er décembre, a eu lieu à Marcinelle-lez-Charleroi, une conférence de notre ami dévoué Cardinal.

Grâce à Mr Destrée, le membre du Parlement bien connu qui s'est toujours volontiers occupé de l'instruction du peuple, la conférence a eu lieu dans la salle des fêtes communale. Au moins 200 personnes y assistèrent et écoutèrent avec grande attention l'habile et spirituel conférencier qui présenta avec art notre belle langue aux Marcinellois.

Souvent l'orateur fut interrompu et applaudi longuement, surtout lorsqu'il parla du Congrès de Cambridge ; tous les assistants étaient enthousiasmés.

Après la conférence, Mr Destrée remercia et félicita Mr Cardinal. Il annonça l'ouverture d'un nouveau cours, donné par Mr Mayer, et quantité de personnes s'inscrivèrent sur le champ.

Enorme succès pour notre cause.

**Boom.** — Un groupe espérantiste s'est fondé à Boom, la petite ville industrieuse de la province d'Anvers. Les membres sont déjà une vingtaine et ce nombre grandira bientôt, grâce au cours organisé en son sein ; le professeur est Mr Mathys du groupe de Duffel.

**Namur.** — Un nouveau groupe est né à Namur qui sera bientôt la ville qui aura le plus de groupes. Quelques anciens espérantistes l'ont fondé ; les membres sont au nombre de 17. Le nouveau-né organise deux cours ; le dimanche à 11 heures du matin et le samedi à 8 heures du soir. Le local du groupe est aussi : Hôtel de Hollande, comme le groupe de la garnison.

**Charleroi.** — Grâce aux efforts de quelques adeptes dévoués, la fondation d'un groupe dans la cité carolorégienne a bien réussi, et dès maintenant son succès est assuré. Dès le 2 décembre les cours ont commencé et 45 élèves ont assisté à la première réunion. Les cours ont lieu tous les lundis à 7 1/2 heures du soir et chaque dimanche à 9 1/2 hs du matin dans les locaux de l'Athénée Royal, prêté grâce à l'appui de l'édilité.

**Bruxelles.** — Komandanto Ch. Lemaire, prezidanto de la Belga Ligo Esperantista paroladis dum la 9a Decembro ĉe la Universitato Popola en Schaerbeek apud Bruselo, kaj dum la merkredo 11a Decembro ĉe la grupo « L'Emancipation » (Liberigeco) en la Domo de l' Popolo de Bruselo.

Li rikoltis saman sukceson, kiel kutime, kaj de nun esta afero tute certa, ni povas anonci ke kurso baldaŭ komencos en Schaerbeek, ni nur atendas la sciigojn pri horo kaj loko de la kurso.

**Ixelles.** — La kurso de Fraŭlino Cl. Simon en lernejo de « la petite Suisse » sukcesas, kiel nenia kurso sukcesis. 240 gelernantoj diligente ĉeestas, kompreneble la afero ne estas facila por instrui tielan aŭdantaron !

**Marcinelle.** — Dimanĉon, 1a decembro, okazis en « Marcinelle » (apud Charleroi) parolado de nia sindonema amiko Cardinal.

Dank' al So Destrée, la konata parlamentano, kiu ĉiam volonte okupas sin pri popolinstruado, la parolado okazis en la komunuma festsalono. Almenaŭ 200 personoj ĉeestis, kaj aŭskultis atentege la lertan spritan paroliston, kiu arte prezentis al la Marcinellanoj, nian belan lingvon.

Ofte oni interrompis la paroliston, aplaŭdante lin longe, precipe kiam li rakontis pri la Kembriĝa Kongreso ; ĉiuj ĉeestantoj estis entuziasmigitaj.

Post la parolado, Sro Destrée dankis kaj gratulis Sron Cardinal. Li anoncis malfermon de nova kurso, donota de So Mayer, kaj multaj personoj tuj enskribiĝis.

Bonega sukceso por nia kaŭzo.

**Boom.** — Esperantista grupo fondiĝis en Boom, industriema urbeto de la Antverpena provinco. La membroj estas jam dudekope kaj tiu nombo baldaŭ pligrandiĝos dank' al la kurso tie organizita ; la profesoro estas Sro Mathys de la grupo de Duffel.

**Namur.** — Nova grupo naskiĝis en Namur, kiu estos baldaŭ la urbo kiu havos la pli da grupoj. Kelkaj malnovaj Esperantistoj fondis ĝin ; la membroj estas deksepope. La ĵusnaskita grupo organizas du kursojn ; dimanĉe je la dekunua horo matene kaj sabate je la 8a vespere. La sidejo de la grupo estas ankaŭ : Hôtel de Hollande, kiel la grupo de la garnizono.

**Charleroi.** — Dank' al klopodoj de kelkaj sindonemaj adeptoj, la fondo de grupo en la Karoleĝa urbo bone prosperis kaj de nun ĝia sukceso estas certigita. De la 2a de decembro la kursoj komencis kaj 45 lernantoj alestis al la unua kunveno. La kursoj okazos ĉiulunde je la 7 1/2 horo vespere kaj ĉiudimanĉe je la 9 1/2 horo matene en la loko « Athénée Royal » (reĝa gimnazio) pruntita dank' al la apogo de la urbestraro.

**Nivelles.** — Le 21 Novembre dernier, l'administration communale de Nivelles a mis gracieusement sa salle des fêtes à la disposition de M. le lieutenant Cardinal, notre éminent propagandiste, pour y donner une intéressante conférence intitulée « *L'Esperanto et le congrès de Cambridge* ».

M. le bourgmestre, Emile de Lalieux, très partisan de notre belle langue auxiliaire, avait donné pleins pouvoirs pour que l'annonce de la conférence fut faite au nom du collège des bourgmestre et échevins.

C'est devant un auditoire d'environ 700 personnes, que le sympathique conférencier a exprimé avec son brio habituel, tous les remarquables arguments de son discours.

M. le capitaine commandant adjoint d'Etat-major van de Ghinste, commandant l'école des grenadiers à Nivelles, qui avait présenté M. le lieut[t] Cardinal à l'auditoire, l'a chaudement remercié après la conférence et a terminé ses paroles élogieuses par le cri de « *Espero* ».

M. le lieutenant Cardinal a eu un très gros succès et il n'y a nul doute que sa chaude parole ne porte des fruits.

Etaient pr sents : 150 élèves de l'école normale de l'Etat avec le corps enseignant, l'école des grenadiers au complet, la gendarmerie, le collège communal, des magistrats, médecins, avocats, enfin la plupart des intellectuels de la ville.

Curieuse remarque : à la sortie, des brochures de propagande en faveur de la langue étaient distribuées, bien qu'à Nivelles, aucun groupe espérantiste ne se soit encore révélé. Les brochures portaient le cachet de M. Delatte, rue S[t] François, n° 38 à Nivelles.

**Nivelles.** — La 21[an] de l' pasinta Novembro, la urbestraro de Nivelles uze-donacis afable sian belan fest-salonon al leŭtenanto Cardinal, nia bonega propagandisto, por tie fari interesan paroladon pri « *Esperanto kaj la kongreso de Cambridge* ».

S° Emile de Lalieux, urbestro, tre ŝatanta nian lingvon, estis doninta plenan permeson por ke oni anoncu la paroladon je l' nomo de la urba administrantaro.

Antaŭ aŭdantaro da 700 personoj, la simpatia paroladisto esprimis per sia kutima lerteco siajn rimarkindajn argumentojn.

Kapitano-komandanto van de Ghinste, staba adjudanto, komandanto de la regimenta lernejo de la grenadistoj, en Nivelles, kiu estis prezentinta L[on] Cardinal al la aŭdantaro, varme dankis lin poste, kaj finis per la krio « *Espero* ».

L° Cardinal ricevis grandan sukceson kaj, sen ia dubo, lia alloganta parolo estos fruktodona.

Ĉeestis : 150 lernantoj de la ŝtata normala lernejo, kun la instruistaro, la tuta regimenta lernejo de la grenadistoj, la ĝendarmaro, la urba administrantaro, magistratoj, doktoroj, advokatoj, granda parto el la intelektuloj de la urbo.

Kurioza rimarko : ĉe la elirejo, propagandaj broŝuroj estis disdonataj, kvankam en Nivelles neniu grupo ŝajnas ekzisti. Tiuj broŝuroj surhavas stampon de S° Delatte, rue S[t] François, n° 38, en Nivelles.

**Liége.** — Une conférence a été organisée dans la Salle Académique de l'Université ; M[r] l'avocat Jean Jongen a parlé, de « L'Esperanto et ses avantages ». Le groupe espérantistes, organisateur de la conférence se serait-il réveillé ?

**Liége.** — Parolado estis organizita en Akademia Ĉambro de la Universitato ; S[ro] advokato Jean Jongen parolis pri « Esperanto kaj ĝiaj utiloj ». Ĉu la Esperantista grupo, kiu organizis la paroladon, vekiĝus ?

## NOVAJ GRUPOJ.

### KARLOREĜA GRUPO ESPERANTISTA.

**CHARLEROI.**

*Prezidanto :* S° L. Delvaux, profesoro de Ateneo (gimnazio), rue de l'Athénée, 31.
*Sekretario-Kasisto :* S[ro] D.Heyne, inĝeniera oficisto, rue Roton, 17.
*Bibliotekisto :* S[ro] Mayer, profesoro de Esperanto en Marcinelle.
*Komisarioj :* S[roj] Pauly, kapitano komandanto de la 1[a] regimento de pelantoj (chasseurs à pied) kaj J. Hermant, kontisto.

### NAMURA STELO.

**NAMUR.**

*Honora prezidanto :* S[ro] Poncelet, notario en Gedinne.
*Prezidanto :* S[ro] J. Detry.
*Sekretario :* S[ro] Verbeken.
*Kasisto :* S[ro] Pirsoul.
*Komisarioj :* S[roj] Blanjean kaj Delmelle.
*Sidejo :* Hôtel de Hollande, Namur.

### BOOMA GRUPO ESPERANTISTA.

**BOOM.**

*Prezidanto :* S[ro] Jules Clerbaut.
*Sekretario :* S[ro] Camille Bal, 53, Kerkstraat.
*Kasisto :* S[ro] Robert Spillemaeckers.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

Ni ricevis el Antverpeno la sekvantan leteron: estus dezirinda ke ĉiu grupo agu same, tiel estas diri ke ĝi ekzamenu zorge la nunan situacion en siaj *komitataj* kunvenoj kaj raportu pri la rezultato kaj opinioj al la Ligo mem. Ni nur havas kelkajn seriojn da dokumentojn, kaj ni devas ilin rondirigi; la prezidantoj de la Ligaj grupoj kiuj ne ilin ricevis bonvolu averti la sekretarion.

**Antverpena Grupo Esperantista.**

*Antverpeno, la 5an de Decembro 1907.*

MONSIEUR LE PRÉSIDENT,

Dans sa dernière séance le Comité du Groupe Espérantiste a pris connaissance des documents qui lui ont été communiqués par Monsieur Vander Biest, et vu l'importance de la question soulevée en ce moment, il a été décidé à l'unanimité que l'on s'adjoindrait quelques espérantistes des plus compétents et que l'on étudierait le situation en commun.

Nous vous proposons de vous remettre dans trois ou quatre semaines un rapport sommaire vous exposant notre manière de voir.

Afin que le Comité de la Ligue puisse se rendre compte de l'état d'esprit de « la Belga Esperantistaro », nous nous permettons de vous proposer de demander aux autres groupes affiliés de lui faire connaître leur opinion sur les conclusions de la Délégation et sur les langues Ido et Antido.

Nous vous prions d'agréer, Monsieur le Président, l'expression de nos sentiments respectueux.

*Au nom du Comité:*
Le Président,
Dr RAYM. VAN MELCKEBEKE.

Ni ankoraŭ ricevis la sekvantan leteron:

**Al la Redaktoro de la Belga Sonorilo.**

So REDAKTORO,

Kiel Anglo, mia vidpunkto estas tute praktika. Mi ne diskutos pri la perfekteco teoria de Esperanto. Mi nur konstatos *fakton*. Tiun fakton mi multfoje konstatis pro persona sperto: Esperanto estas lingvo mirinde facila. En ĉiu lando, ĉiu homo, de meza klereco, povas lerni ĝin facile kaj rapide, kaj post kelkaj semajnoj, interkorespondi kaj interparoli kun diverslandoj eĉ kun Japanoj aŭ Hindoj, li povas ankaŭ baldaŭ legi kaj ŝati, ne nur Ĵurnalojn kaj Revuojn, sed ĉiujn belajn librojn de nia bela literaturo. En « Cambridge », dum la Kongreso, mi konstatis ke ĉiuj kongresantoj, eĉ komercantoj povis interparoli kun ĉiuj. Ĉe kelkaj oni jam rimarkis iome akcenton nacian, sed tio neniel malhelpis la perfektan interkomprenon.

Nun, kelkaj scienculoj diris ke en Esperanto ekzistas difektoj, eĉ mortigaj difektoj, sed estas diraĵoj teoriaj, ne pruvoj praktikaj.

Aliflanke Dro Zamenhof, la *aŭtoro* de tiu mirinda lingvo, pretendas ke: « Fundamento neŝanĝebla estas plej necesa, antaŭ ĉio, por ke la lingvo internacia povu vivi kaj progresadi regule ». Kaj, post sia propono, la unua Kongreso en Boulogne, starigis tiun Fundamenton. Dro Zamenhof certigas ke tiu neŝanĝebleco de la Fundamento neniel estas barilo kontraŭ la progresado, aŭ la riĉigado de la lingvo per neologismoj, k. t. p. Jen principo, kiu ŝajnas al mi, viro praktika, tre saĝa. Laŭ mi, estas *krima malspriteco* riski la vivon de tia benaĵo por la Homaro kiel Esperanto. Do, mi kredas la Majstron, oni konfidas al la ŝaĝeco de la aŭtoro mem de la lingvo, kiam li avertas nin per tiuj ĉi gravaj vortoj: « La momento en kiu ni ektuŝus al tiu ĉi Principo, estus la komenco de nia morto ».

Mi esperas ke ĉiu samideano belga, eĉ la plej humila, protestos kun mi, kontraŭ iu ŝanĝo en la Fundamento de Esperanto.

Mi restas, So Redaktoro,

*Via obea servisto,*
AUSTIN RICHARDSON,
Sekretario de la Katolika Komitato,
ĉe la Tria Kongreso.

## Comment nous voyons la Lune.

Chacun, parmi nous, a pu constater que la Lune, ainsi que tout autre astre ou constellation, nous paraît plus grosse quand elle est à l'horizon qu'au zénith: c'est-à-dire au-dessus de nos têtes, au plus haut du ciel.

D'où peut provenir cette singulière illusion?

Avant de tirer la chose au clair, un correspondant de la « Revue Générale des Sciences » fait quelques remarques intéressantes sur ce que nous entendons par grosseur d'un objet éloigné.

Il y a là, en effet, une notion assez vague, plutôt subjective, et qui demande à être définie.

Demandez, en effet, à cent personnes quelle leur paraît être la grosseur de la Lune.

Presque toutes vous diront qu'elles la voient grosse « comme une assiette ».

Mais insistez, en leur demandant:

— A quelle distance placez-vous l'assiette?

Elles seront probablement assez interloquées.

C'est qu'elles n'ont pas réfléchi que le diamètre apparent de cette assiette, à laquelle elles comparent celui de la Lune, n'est pas une grandeur absolue.

Il varie avec la distance qui sépare l'assiette de l'œil.

Vue de tout près, l'assiette est énorme; elle peut nous cacher le ciel entier; elle est aussi grande que lui.

Vue de plus en plus loin, elle ne nous cache qu'une partie de plus en plus petite de l'univers.

## Kiel ni vidas la Lunon.

Ĉiu el ni povis konstati ke la Luno, ankaŭ ĉiu alia astro aŭ stelaro, ŝajnas al ni pli dika, tiam ĝi estas sur la horizonto ol kiam ĝi estas je la zenito: tio estas diri kiam ĝi estas super ni mem, je la plej alta punkto de l' ĉielo.

De kie elvenas tiu stranga ŝajno?

Antaŭ ol klarigi tiun aferon, unu korespondanto de la « Ĝenerala Revuo de la Sciencoj » montras kelkajn interesindajn rimarkojn pri tio, kion ni akceptas kiel dikecon de malproksima objekto.

Efektive, tie staras sciigo sufiĉe vaga, plivole subjektiva, kiu postulas difinon.

Demandu, ekzemple, al cento da personoj, kia ŝajnas al ili la dikeco de la Luno.

Preskaŭ ĉiuj respondos ke ili ĝin vidas tiel dikan « kiel teleron ».

Sed insistu kaj demandu:

— Je kia distanco vi lokigos la teleron?

Eble, ili estos iom embarasitaj.

Tio devenas ĉar ili ne pripensis ke la ŝajna diametro de tiu telero, al kiu ili komparas diametron de la Luno, ne estas absoluta mezuro.

Ĝi diversiĝas laŭ la distanco kiu estas inter la telero kaj la okulo.

Je la plej proksimeco, la telero ŝajnas supermezura; ĝi povas kaŝi al ni la ĉielon; ĝi estas tiel vasta kiel la blua kampo.

Vidita pli kaj pli malproksime, ĝi kaŝas al ni nur parton pli kaj pli malvastan de la universo.

Un pain à cacheter, placé à quelques centimètres de l'œil, est aussi grand que l'assiette placée à deux ou trois mètres.

C'est un effet de la perspective. Tous ceux qui ont dessiné un peu le savent bien. C'est que le diamètre apparent des choses dépend de l'angle sous lequel elles nous apparaissent et que cet angle diminue quand elles s'éloignent de nous.

Cependant, pour la grande majorité de ceux que vous interrogerez, l'assiette, vue à un pied ou à quatre mètres, aura la même dimension. C'est qu'ils tiennent compte, en appréciant cette dimension, de la distance qu'ils supputent mentalement.

Il en est généralement ainsi quand nous déterminons la dimension d'un objet placé à une distance qui est elle-même appréciable; une cheminée sur un toit, par exemple. Nous ne tenons pas seulement compte de l'angle visuel; nous nous représentons aussi la distance. Le subjectif influe ainsi sur l'objectif. Nous faisons de la géométrie comme M. Jourdain faisait de la prose, sans le savoir: et nous arrivons à un jugement — pratiquement exact — de la grandeur réelle.

Mais si l'objet est lointain, placé à un nombre de kilomètres dont nous ne pouvons nous rendre compte; et s'il a lui-même des dimensions qui nous sont inconnues, ce mode de raisonnement nous fait défaut.

Supposez qu'il s'agisse d'une tour, visible à l'horizon d'une vaste plaine. Nous sommes dans l'incapacité d'en estimer la hauteur réelle.

Et alors, par un singulier travail, nous changeons de mode d'évaluation.

Nous comparons l'apparence de la tour à celle de quelque objet proche et de petite dimension, à un bibelot. Nous dirons qu'elle a quelques centimètres seulement.

Ainsi, la Tour Eiffel, à quelqu'un qui se promène dans la banlieue de Paris, semblera avoir un mètre ou deux de haut.

Ainsi, quand on est en ballon, on voit communément les hommes « grands comme des fourmis ».

Il arrive fréquemment que, dans la description d'un bolide, l'observateur déclare que le météore paraissait avoir, par exemple, 15 centimètres de diamètre.

Or, il est absolument incapable de justifier cette opinion, puisqu'il ignore la dimension et la distance de ce bolide.

Si on veut savoir à quelle distance de l'œil il suppose placée la longueur de 15 centimètres qui lui sert de comparaison, il en prendra une tout arbitraire, et probablement trop petite.

On compare volontiers, comme je le disais, la Lune à une assiette.

Mais il faudrait que cette assiette fût très loin de nous pour justifier la comparaison. Un pain à cacheter placé à la distance de la vision distincte, de la vue normale, à 25 centimètres de l'œil, est, en réalité, beaucoup plus grand que la Lune! Il éclipse une portion du ciel trente fois plus grande que le disque lunaire au moment où il est le plus près de nous!

Cependant, il vient rarement à l'esprit de comparer la Lune à un modeste pain à cacheter! Nous la voyons comme une assiette, un fromage de Camembert, de Brie quelquefois.

Unu oblato, starigita je kelkaj centimetroj de la okulo, estas tiel ampleksa, kiel telero starigita je du aŭ tri metroj.

Tio estas impreso de perspektivo. Ĉiuj, kiuj iom desegnis, tion scias tre bone. Ĉar la ŝajna diametro de la objektoj rilatas al la angulo laŭ kiu ili sin montras al ni kaj tiu angulo sin fermas kiam ili malproksimiĝas de ni.

Tamen, por la plimulto el tiuj, kiujn vi demandos, la telero, starigita je unu futo aŭ je kvar metroj, havos saman amplekson. Ĉar ili komputas, por la difino de tiu amplekso, la distancon, kiun ili memore kalkulas.

Ĝenerale tio okazas ankaŭ, kiam ni difinas la grandecon de objekto lokigita je distanco kiu estas ĝi mem komputebla ; ekzemple kamentubo sur tegmento. Ne nur ni komputas la vidan angulon sed ankoraŭ ni kalkulas proksimume la distancon. La subjektivo tiel influas kontraŭ la okjektivo. Ni aplikadas la geometrion kiel S^ro^ *Jourdain* (teatra persono de *Molière*) verkis prozon, ne sciante tion : kaj ni konkludas juĝon — praktike ĝustan — de la reala amplekso.

Sed, se la objekto estas malproksime, starigita je nombro da kilometroj, kiun ni ne povas imagi ; kaj se ĝi ankaŭ havas ampleksojn, kiuj estas por ni nekonataj, tiu racia kalkulo al ni ne estas ebla.

Imagu turon, videbla sur la horizonto de vasta ebenaĵo. Ni estas nekapablaj komputi ĝian realan altecon.

Kaj en tiu okazo, per stranga kalkulo, ni ŝanĝas nian manieron por taksi ĝian amplekson.

Ni komparas la ŝajnon de la turo al tiu de ia proksima objekto,kiu havas malgrandan amplekson, al ia objekteto. Ni diros ke ĝi mezuras nur kelkajn centimetrojn.

Ekzemple la turo *Eiffel*, por tiu, kiu promenas en la ĉirkaŭaĵo de Paris, ŝajnas alta je unu aŭ du metroj.

Ankoraŭ, kiam oni estas en balono, oni vidas la homojn kvazaŭ « malgrandajn kiel formikoj ».

Ofte okazas ke, en priskribo de bolido, la observanto sciigas ke la meteoro ŝajnis ampleksa, ekzemple, je 15 centimetroj diametre.

Tamen, li estas tute nekapabla pravigi tiun opinion, ĉar li nescias la amplekson de tiu bolido kaj ĝia distancon.

Se oni volas scii al kia distanco de la okulo li supozas lokigita la longon da 15 centimetroj, kiu por li estas la mezuro de komparo, li elektos arbitre kaj eble tre malgrandan distancon

Oni komparas volonte, kiel mi diris, la Lunon al telero.

Sed estus necese ke tiu telero estus tre malproksime de ni por pravigi la komparon. Oblato, lokigita je la distanco de la malkonfuza kampo de la normala vido, je 25 centimetroj de la okulo, estas reale multe pli granda ol la Luno ! ĝi kaŝas parton de la ĉielo tridekfoje pli vasta ol la luna rondo je la momento kiam ĝi estas la pli proksima de ni !

Tamen, malofte oni elektas modestan oblaton kiel objekton por komparo de la Luno ! Ni vidas ĝin tiel ampleksan kiel teleron, fromaĝon de *Camenbert* aŭ eĉ iafoje de *Brie*.

Voyez comme nous sommes victimes de nos illusions, de notre imagination aussi, et comme nous sommes déroutés pour apprécier la grandeur d'un objet dont l'éloignement nous est inconnu.

Mais revenons au rapetissement que semble subir la Lune entre le moment où elle paraît à l'horizon et celui où elle est au plus haut de sa course — et à l'explication plausible qui en est proposée.

D'abord, on fait remarquer qu'un même objet paraît d'autant plus grand que nous le projetons sur un fond plus éloigné.

Ainsi, le soir, en tramway, regardez fixement le fil incandescent d'une lampe électrique, puis, brusquement, portez les yeux sur un fond éloigné, la façade d'une maison, par exemple. L'image négative de la lampe, que vous gardez dans les yeux, pourra occuper cette façade entière.

Et puis, vous savez que la voûte du ciel nous paraît non pas telle qu'une demi-sphère, c'est-à-dire tracée en plein-cintre, mais « surbaissée », suivant un arc de cercle.

Or, à cause de cette forme prétendûment surbaissée, nous jugeons l'horizon (les retombées de la voûte) plus éloigné que le zénith (la clé de la voûte).

Mais comme nous situons la Lune et les astres dans cette voûte même, nous supposons qu'ils doivent être plus éloignés aussi à l'horizon qu'au zénith.

Cependant, la Lune nous apparaît sous le même angle à l'horizon qu'au zénith.

C'est donc, en déduisons-nous instinctivement, qu'elle « doit être » plus grosse à l'horizon qu'au zénith.

Et voilà pourquoi nous la voyons telle. C'est un effet imaginaire. On le supposait bien. Mais on n'en avait pas encore donné d'explication aussi rationnelle.

Reste à expliquer d'où nous vient cette intime conviction que le ciel est une voûte surbaissée.

Elle nous vient de la disposition des nuages, apparemment.

Une couche de nuages, dont la vue nous est coupée par l'horizon, forme en réalité au-dessus de nous une voûte surbaissée. Il est aisé de représenter cela graphiquement.

Ceux qui passent au-dessus de notre tête sont — effectivement — beaucoup plus près de nous que ceux qui sont à l'horizon. Nous nous en rendons bien compte, puisque c'est au zénith qu'ils passent le plus vite, qu'ils se distinguent le plus nettement.

Depuis l'enfance, nous avons cette notion que les nuages forment au-dessus de nous une coupole aplatie.

Comme les nuages semblent eux-mêmes glisser sous la « voûte azurée », être contenus par elle, nous imaginons naturellement que le firmament a cette même forme.

Et comme les astres paraissent collés au firmament, comme les étoiles ne sont que les paillettes de la robe gros bleu de la Nuit, nous nous figurons que la distance des astres — Lune, Soleil, constellations — est régie aussi par le galbe de cette voûte, qu'ils sont plus loin de nous quand ils se lèvent que s'ils passent au-dessus de nos têtes.

*(La Gazette).* D'ASTARAC.

Vidu kiom ni estas alprenitaj de niaj iluzioj, ankaŭ de nia fantazia imago, kaj kiom ni estas en eraro por taksi la amplekson de okjekto, de kiu la proksimeco estas por ni nekonata.

Sed ni ekzamenu la malgrandigon, kiun ŝajne montras la Luno de la momento kiam ĝi leviĝas sur la horizonto ĝis kiam ĝi estas je la plej alta punkto de ĝia irado — kaj la aprobeblan klarigon, kiun estas proponata.

Unue, oni rimarkigas ke sama objekto ŝajnas ju pli vasta, des pli proksima estas la supraĵo, sur kiu ni projekcias ĝin.

Tiel, vespere en tramveturilo, fikse rigardu la luman fadenon de elektra lampo, sekve, direktu rapide la okulojn sur malproksima supraĵo, sur fasado de domo ekzemple. La negativa figuro de la lampo, kiun vi konservas en la okuloj, eble atingos vastecon de la plena fasado.

Sekve, vi scias ke la arkaĵo de la ĉielo ŝajnas al ni ne tiel, kiel duono da sfero, estas diri limigita per duono da cirklo, sed kiel « premegita » laŭ elipsa arko.

Ĉar, pro tiu formo kvazaŭ premegita, ni juĝas ke la horizonto (naskpunkto de la arko) estas pli malproksima ol la zenito (klavo de la arko).

Sed, ĉar ni lokigas la Lunon kaj la astrojn en tiu arkaĵo mem, ni supozas ke ili devas esti ankaŭ pli malproksimaj sur la horizonto ol je la zenito.

Tamen la Luno aperas al ni laŭ la sama angulo ĉu sur la horizonto, ĉu je la zenito.

Estas do, instinkte ni tion konkludas, ke ĝi « devas esti » pli dika sur la horizonto ol je la zenito.

Tial ni tian ni vidas ĝin. Estas imaga efiko. Tion certe oni supozis. Sed oni ne aukoraŭ prezentis tiel racian klarigon.

Ni devas ankaŭ klarigi, kial ni havas la intiman certecon ke la ĉielo estas elipsa arkaĵo.

Tio naskiĝas pro la ordo de la nuboj, ŝajne. Nubara amaso, de kiu la aspekto estas tranĉita sur la horizonto, reale formas, super ni, elipsan arkaĵon. Estas facile montri tion desegne.

Tiuj, kiuj pasas super nia kapo estas — efektive — multe pli proksime de ni ol tiuj, kiuj estas je la horizonto. Tion ni facile akceptas, car je la zenito, ili pasas la plej rapide, ni distingas ilin la plej nete.

De la infaneco, ni havas tiun konon ke la nuboj formas, super ni, platigitan kupolon.

Ĉar la nuboj ŝajnas glitadi sub la « lazura arkaĵo », ŝajnas kvazaŭ premigitaj sub ĝi, ni imagas nature ke la firmamento havas tiun saman kurbon.

Kaj, ĉar la astroj ŝajnas fiksitaj al la firmamento, kiel la steloj estas nur la brilaĵetoj de la malpalblua robo de la Nokto, ni imagas ke la distanco de la astroj — Luno, Suno, stelaroj — estas regita ankaŭ per la kurbo de tiu arkaĵo, ke ili estas pli malproksime de ni kiam ili leviĝas ol kiam ili pasas super niaj kapoj.

*Tradukis* Jos. JAMIN.

## Eksterlanda komerco kaj Esperanto en Belgujo.

Kvankam la ĉefa celo de helpanta lingvo internacia havas karakteron speciale idealan, estas neneigeble ke ĝia venko estos ŝuldata unue kaj precipe al la ĉiuspecaj materialaj profitoj, kiujn ĝi alportos al la homaro laborema. « Unue vivi, poste filozofi » tiu antikva sentenco estas pli ol ĉiam nuntempa veraĵo. Se Esperanto tiel rapide progresados, kiel ni ĝin korfunde deziras, tio ne okazos ĉar ĝi devas efike helpi al *enkonduko* de universala frateco, sed precipe ĉar ĝi plifaciligos la interrilatojn, *kiuj jam ekzistas*, inter popoloj kaj individuoj kaj sekve helpos ilian disvolviĝadon.

Ĉefan rolon ludos, inter aliaj, la internaciaj komercaj rilatoj, kaj ni povas antaŭdiri ke Esperanto tiom pli rapide progresados en iu lando kiom pli gravaj kaj multnombraj estos la komercaj rilatoj de tiu lando kun la ceteraj.

Aperis al ni utile montri al la legantaro de *Belga Sonorilo*, kiun servon Esperanto povas alporti laŭ tiu vidpunkto al la belga komercistaro.

Laŭ la oficiala verko « *Tableau général du Commerce de la Belgique avec les pays étrangers* » nia eksterlanda komerco atingis dum jaro 1906, peze kaj valore, jenan rezultaton:

| | *Kilogramoj* | *Frankoj* |
|---|---|---|
| Enportaĵoj . . . | 21,418,338,000 | 3,454,017,000 |
| Elportaĵoj . . . . | 16,768,734,000 | 2,793,840,000 |
| Sume. . . | 38,187,072,000 | 6,247,857,000 |

Ĉiu lando el la mondo havas parton pli malpli grandan en tiu rezultato; ni ne povas, pro manko da spaco, citi ĉiujn, sed ni povas almenaŭ montri la gravecon de nia komerco kun kelkaj nacioj, kiuj uzadas alian lingvon ol la nia:

| Landoj | Enportaĵoj (frankoj) | Elportaĵoj (frankoj) |
|---|---|---|
| Anglujo . . . . . . . . . . | 445,762,000 | 409,819,000 |
| Arĝentina Respubliko . . . . | 238,291,000 | 66,171,000 |
| Austrujo-Hungarujo . . . . . | 13,538,000 | 22,215,000 |
| Brazilujo. . . . . . . . . . | 31,728,000 | 36,206,000 |
| Bulgarujo . . . . . . . . . | 16,236,000 | 2,401,000 |
| Danujo . . . . . . . . . . | 3,646,000 | 12,443,000 |
| Germanujo (Komerca Unuiĝo) . | 465,153,000 | 642,067,000 |
| Grekujo . . . . . . . . . . | 8,711,000 | 8,744,000 |
| Hispanujo . . . . . . . . . | 55,821,000 | 35,189,000 |
| Chili-lando. . . . . . . . . | 50,446,000 | 27,076,000 |
| Chinlando . . . . . . . . . | 16,969,000 | 55,551,000 |
| Italujo. . . . . . . . . . | 44,423,000 | 66,833,000 |
| Japanujo. . . . . . . . . . | 8,081,000 | 24,717,000 |
| Norvegujo . . . . . . . . . | 29,493,000 | 11,873,000 |
| Portugalujo. . . . . . . . . | 8,042,000 | 12,553,000 |
| Rumanujo . . . . . . . . . | 161,380,000 | 27,218,000 |
| Rusujo . . . . . . . . . . | 233,745,000 | 35,652,000 |
| Svedujo . . . . . . . . . . | 34,200,000 | 11,702,000 |
| Turkujo . . . . . . . . . . | 24,675,000 | 33,155,000 |
| Unuigitaj Ŝtatoj . . . . . . . | 299,479,000 | 108,363,000 |
| Urugvujo . . . . . . . . . . | 20,789,000 | 4,323,000 |

Cetere Belgujo estas el la nacioj tiu, kies eksterlanda komerco rilate al la loĝantaro estas la plej grava. Tion ni povas pruvi per la sekvantaj sciigoj elĉerpitaj el oficiala angla verko : « *Statistical abstract for the principal and other foreign countries* » publikigita en jaro 1906.

La jenaj ciferoj montras la suman rezultaton de la eksterlanda komerco de la diversaj aludataj nacioj dum jaro 1904 (enportaĵoj kaj elportaĵoj sumigitaj). Por faciligi la komparon, ni kalkulis ilin laŭ la nova va orunuo: la spesmilo, kiu valoras fr. 2,50.

| Nacioj | Suma Komerco (*spesmiloj*) | Loĝantaro | Suma Komerco por loĝanto (*spesmiloj*) |
|---|---|---|---|
| Belgujo . . . . | 1,986,190,000 | 7,075,000 | 281 |
| Svisujo . . . . | 903,150,000 | 3,425,000 | 264 |
| Anglujo . . . . | 8.517,500,000 | 42,793,000 | 199 |
| Danujo . . . . | 458,180,000 | 2,557,000 | 179 |
| Norvegujo . . . | 245,090,000 | 2,300,000 | 107 |
| Svedujo . . . . | 548,180,000 | 5,261,000 | 104 |
| Germanujo . . . | 5,793 350,000 | 59,600,000 | 97 |
| Francujo . . . . | 3,581,320 000 | 39,200,000 | 91 |
| Unuigitaj Ŝtatoj . | 5,035,420,000 | 81,752,000 | 62 |
| Italujo. . . . . | 1,404,380,000 | 33,347,000 | 42 |
| Hispanujo . . . | 735,470,000 | 18,900,000 | 39 |
| Austro-Hungarujo | 1,723,570,000 | 47,355,000 | 36 |
| Japanujo . . . . | 726,540,000 | 47,350,000 | 16 |

El tiu tabeleto aperiĝas nekontraŭdireble ke, rilate al la loĝantaro, Belgujo okupas, kiel ni supredfiris, la unuan vicon en la mondo pri la graveco de l' eksterlanda komerco.

Tial ni senpacience atendas la decidon definitivan de la Delegacio por ke la belga esperantistaro povu prezenti al sia landa registaro nian karan Zamenhofan lingvon kun la necesaj perfektigoj, kiuj ebligos ĝian oficialan alprenon.

Aprido.

## PROBLEMOJ.

**PROBLEMO 8a.** — Inter urboj A kaj B estas kanalo kaj fervojo. La prezo portransporti per kanalo estas, po 1 kilometro, nur la $\frac{6}{10}$ de l' prezo per fervojo. Sinjoro, kiu venigis de A ĝis B 120 milkilogramojn da karbo per vagonaro kaj 200 milkilogramojn per ŝipo, pagis tiom, kiom se li estus veniginta 270 milkilogramojn per vagonaro.

La kanalo estas 36 kilometroj pli longa ol la fervojo. Oni demandas pri la longeco de l' kanalo kaj de l' fervojo.

**PROBLEMO 9a.** — Donu la frazon el kiu, ŝanĝinte la ordon de l' vortoj kaj la ordon de l' literoj en la vortoj, oni ricevas la jenon :

litonomr supola nuso, ŭa neiĝiastor
nio lesto, ŝoropĝlhoo pre gametan

**PROBLEMO 10a.** — T E
4
N O

**PROBLEMO 11a.** — *Vortoj kreskantaj :* Vokalo — nomo de litero — venis el kokino — granda besto — super okulo.

**PROBLEMO 12a.** — *Kvadratoj radikoj :*
manĝajo
promenejo
blankaĵo.

Solvoj akceptotaj ĝis fino de Januaro 1908, ĉe la Direkcio : 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles.

## PREMIOJ.

La lasta serio da problemoj konsistis el 16. Kontentigan nombron da solvoj sendis :

**Sro Mathys** 15, **Fino Mabil** 11, **Sro Plantano** 10, **Sro Lundgren** 9.

Ni donacas al ili la librojn :

Edziĝo malaranĝita de Vicente Inglada.
Komercaj leteroj de P. Berthelot kaj Ch. Lambert.
Esperantista kantaro de L. E. Meier.
Imenlago de Alf. Bader.

# Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto : Dro Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Pioniro**, Esperantista Brusela Grupo. Prezidanto : Sro Lucien Blanjean, 83, r. du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Sekretario : Sro Octave Chalon, 34, rue Van Ostade, Bruxelles.

**Esperantista Societo**, en Verviers. Prezidanto : Sro Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers.
Sidejo : 9, rue Xhavée, Verviers.

**Grupo Esperantista**, en Huy. Prezidanto : Sro Thiry, commissaire-voyer, Huy.

**Liera Grupo Esperantista.** Sekretario : E. O. Vermeiren, Lierre.

**Bruĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro A.-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto**, Grupo en Laeken. Prezidanto : Sro H. Calais, 23, rue du Chemin de fer, Bruxelles.

**Grupo Esperantista**, en Duffel. Prezidanto : Dro L. Jacobs, Duffel.

---

# Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste**, du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Prezidantino : Frino A. Greiner, 15, Av. Brugmann, Bruxelles.

**Lieĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.
Sekretario : Sro Ansiaux, 29, rue St Gilles, Liége.

**Grupo de la garnizono**, en Namur. Prezidanto : Sro Bisman, Kapitano de la 13a linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.

**Berchema Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro prof. Ant. Havermans.
Sidejo : Café Limburgia, rue Beernaert, Berchem.

**La Verda Stelo.** Prezidanto : Sro Fr. Schoofs.
Sidejo : Café Zomerhof, 32, place de l'Aurore, Anvers.

**Espero**, Lieĝa Esperantista Societo. Prezidanto : Sro F. Spies, 5, rue sur la Fontaine.
Sekretario : Sro G. Sloutzky, 34, rue Nysten.

**Woluwa Blindulgrupo Esperantista.** Sidejo : Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles, 72, Avenue Georges Henri, Bruxelles.

**Esperanto.** Cercle d'étude de langues, Spa. Prezidanto : Sro Decq, inĝeniero, direktoro de la Banejo.
Sekretario : Sro Grosjean.

**Karloreĝa Grupo Esperantista**, Charleroi. Prezidanto : Sro L. Delvaux, profesoro.
Sekretario : Sro D. Heyne, 17, rue Roton.

**Namura Stelo**, en Namur. Prezidanto : Sro J. Detry.
Sekretario : Sro Verbeken.
Sidejo : Hôtel de Hollande.

**Booma Grupo Esperantista**, en Boom. Prezidanto : Sro Jules Clerbaut.
Sekretario : Sro Camille Bal, 53, Kerkstraat.

**Esperanta Sekcio** du Cercle linguistique de la maison de Melle.
Prezidanto : Sro Paul Motte à Melle-lez-Gand.
Sekretario : Sro Paul Jansens.

**Seilla Grupo Esperantista** en Seilles. Prezidanto : Sro Jean Magis, komunuma instruisto.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Malines, Andenne, Louvain, Renaix, Gembloux, Nivelles, St Trond, k. c.

---

# La Belgique

## artistique et littéraire,

*Revue*

NATIONALE DU MOUVEMENT INTELLECTUEL.

Paraissant en fascicules mensuels d'au moins 150 pages, **LA BELGIQUE** est la plus importante de nos publications périodiques. Elle publie des articles d'art, de littérature, de critique, d'érudition, etc., signés des noms les plus autorisés du monde intellectuel belge.

Tous les mois : **CHRONIQUE DES LIVRES** par Mme Blanche Rousseau, MM. Paul André, Arthur Daxhelet, Georges Dwelshauwers, Ernest Mahaim, Georges Marlow, Henri Maubel, Ed. Ned, Sander Pierron, Fernand Séverin, etc.

**LES SALONS** par Grégoire Le Roy.
**LES THEATRES** par Paul André.
**LES CONCERTS** par Eugène Georges.

*ABONNEMENT :*

| | | | |
|---|---|---|---|
| BELGIQUE, 1 AN : 12 FR. | 6 MOIS : 7 FR. | 3 MOIS : 4 FR. |
| ÉTRANGER, » 15 FR. | » 9 FR. | » 5 FR. |

**LE NUMÉRO : 1 FR. 25 CHEZ TOUS LES LIBRAIRES.**

BUREAUX :

*26-28, Rue des Minimes, BRUXELLES.*

LUEBLA.

# Internacia Socia Revuo

MONATA ESPERANTA GAZETO

**Internacie redaktata kaj ilustrata pri ĉio, kio interesas la homaran vivadon.**

Redakcio kaj Administracio : 45, Rue de Saintonge, PARIS 3e

**Jara abono** : 6 frankoj (2,40 Sm.) (pageblaj laŭvole kvaronjare fr. 1,75 (70 Sd.)

Abonantoj-monoferantoj ; Jare *almenaŭ* 20 fr. (8 Sm.)

Por ricevi unu numeron, oni sendu 60 cent, (24 Sd.)

# The British Esperantist

Oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio ; 12 paĝoj da novaĵoj k. c. angle-esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono. Jare 4 fr. (1,60 Sm.)

Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A., 13, Arundel Street, Strand, London.

# Internacia Scienca Revuo

Oficiala Monata Organo de la

*Internacia Scienca Oficejo Esperantista*

**JARA ABONO : 2,75 SPESMILOJ — 7 FR.**
**UNU No : 25 SPESDEKOJ.**

Ĉe la Administracio kaj Redakcio:
6, rue Bovy-Lysberg en Genevo (Svisse).

*Laŭ bezone, ankaŭ ĉe Administranto de La Belga Sonorilo.*

# " TRA LA MONDO "

## Tutmonda multilustrata revuo esperanta

Nuntempaĵoj ; arto, literaturo, sciencoj ; komerco, industrio militistaro, maristaro ; teatro ; sportoj ; virina kaj gejunula paĝo ; felietono ; ludoj, konkursoj kun valoraj monaj premioj.

Ĉiuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l' landoj pritraktataj ; senpaga specimeno laŭ peto al Administranto de T. L. M., 15, Bd des 2 Gares, Meudon (S. O). France, kaj al Administranto de la Belga Sonorilo.

Oni abonas « Tra la Mondo » ĉe la belgaj, holandaj ka danaj poŝtoficejoj.

Postulu « Tra la Mondo » en ĉiuj francaj stacidomoj.

# Praktika Revuo de Komercaj Sciencoj.

Redaktata en franca lingvo sub la direkcio de Sinjoro O. Orban, profesoro ĉe la Universitato de Lieĝo. — Eliras ĉiumonate dum naŭ monatoj, de la 15a de Oktobro ĝis la 1a de Aŭgusto.

**Unu numero** : 1.00 franko. (40 Sd.)
**JARA ABONO : Belgujo** : 5.00 frankoj. (2 Sm.)
**Alilando** : 7.50 frankoj. (3 Sm.)

**Sin turni al la Direktoro, 26, rue Basse Wez,** LIEGO (LIEGE).

# L'Espérantiste.

Organe de la Société Française pour la propagation de l'Esperanto ; rédigé en français et en Esperanto. Directeur : M. L. de Beaufront, *Louviers* (Eure, France)

Abonnement simple . . . fr. 3.50 (1.40 Sm.)
Avec inscription à la Société fr. 4.00 (1.60 Sm.)